# Literatura Mondo




*Responda Redaktoro: Dro Teodoro Schwartz Redakta Komitato: Julio Baghy, Dro Kolomano de Kalocsay, Paŭlo de Lengyel, Paŭlo Balkányi ☼ Redaktejo kaj administrejo: Budapest VI, Andrássy út 81*

**NIA KUNLABORANTARO:** LOUISE BRIGGS (ARMLEY), J. GRAU CASAS (BARCELONA), HILDA DRESEN (TALLIN), DRO ALEKSANDRO GIESSWEIN (BUDAPEST), NIKOLAO HOHLOV (ZAGREB), IVAN H. KRESTANOFF (DRESDEN), A. MAZZOLINI (FIRENZE) JAN VAN SCHOOR (ANTWERPEN), PAŬL MEDEM (KAUNAS), TIBERIO MORARIU (BUCURESTI), PAŬL NYLÉN (STOCKHOLM), EMMA H. OSMOND (LONDON), PETRO STOJAN (KĬSINAŬ), M. SOLOVJEV (SKOPLJE), DRO LEONO ZAMENHOF (VARSOVIO), JULIO WERNER

**LEGU!** **KARA LEGANTO** **FARU!**

Pasis unu jaro, malfacila kaj luktoplena. La nuna 12-a numero de *Literatura Mondo* signas tiun mejloŝtonon, kiun ni promesis atingi spite al ĉiuj malhelpaĵoj, por ke la fido firmiĝu al nia serioza kaj netakseble grava entrepreno. Dum tiu ĉi tempo ni ne ŝparis energion, nek monon por la meritinda sukceso. Ni klopodis fariĝi ĉiam pli perfektaj al modernaj konsideraĵoj de nia internacia legantaro kaj amaso da gratulaj leteroj pruvas, ke post paso de la jaro ni rajte povas fieri pri la akiritaj sincera simpatio kaj nepra fido.

Ni tutkore dankas nian entuziasman kunlaborantaron, kies daŭra helpo plifaciligis nian taskon, plivalorigis la revuon. Ni petas ilin, ke ankaŭ en la estonteco ili ne rifuzu doni tiun moralan subtenon, kiu gvidos nian *idealan kaj ne porprofitan entreprenon* al certa kaj triumfa prosperado.

Ni dankas niajn reprezentantojn, kiuj oferante tempon, monon, energion, penadis por la financa certigo de la revuo. Ili estu afablaj kaj daŭrigu la laboron, de kiu multe dependas la vivdaŭro de la sola literatura organo de nia movado.

Fine ni dankas vin, fidela leganto, kiu, ĝuste taksante la valoron ricevitan, rekompencis nin per via entuziasmo kaj subtenis per via abono. *Sed la jaro pasis kaj ni denove staras antaŭ longa kaj kruta vojo, kiun finmigri sen via certa subteno ni ne povus.* Estas necese unue, ke vi provizu nin per tiu financa forto, kiun donas la renovigo de via abono, kaj la sukcesa varbado de novaj abonantoj. Ni insiste petas vin ĉiujn, kies abonoj finiĝis per tiu ĉi numero, *senprokraste sendu la abonprezojn por la venonta jaro* laŭ la ĉi suba tarifo al la administrejo de L. M., por ke ni povu fari ĝustan antaŭkalkulon.

La akuratecon de la abonrenovigo volas rekompenci la administraro per donaco kaj

**kies abono alvenos ĝis la 31-a de oktobro, tiuj ricevos valoran literaturaĵon.**

Niaj reprezentantoj estas petataj, fari siajn bilancojn kaj kvitiĝi al ni tuj la eventualajn ŝuldojn. Petante vian subtenon promesas daŭran kaj ĉiam pli kontentigan laboron.

LA REDAKTA KOMITATO

**PREZOJ DE „LITERATURA MONDO" PO NUMERO:**

| | | | |
|---|---|---|---|
| —.16 dolaroj | —.80 svis. frankoj | —.80 norv. kronoj | 3.— liroj |
| —.40 guldenoj | —.80 danaj kronoj | 1.— pesetoj | 4.50 ĉ. kronoj |
| —.60 sved. kronoj | 2.— fr. frankoj | —.08 ŝilingoj | —.30 jenoj |

El la landoj, kiuj ne estas nomataj, oni petu rektan proponon de ni!

**SENPAGAJN NUMEROJN NI NE LIVERAS ★ NI ESPERAS, KE ĈIUJ AKIROS NOVAJN ABONANTOJN**

**EN LA SEKVANTAJ LANDOJ VI POVAS ABONI ĈE NIAJ ABONEJOJ:**

*Argentino:* Irenjo Balkányi, Buenos-Aires, Jorge Newberry 2667.
*Aŭstrujo:* Wien, Esperanto - eldonejo „Nova Tempo", VI., Mollardgasse 55.
*Britujo:* The British Esperanto Association, 17 Hartstreet, London, WC. 1.
*Bulgarujo:* Centra Librejo Esperanto (Gaŝevsky) Sofia.
*Belgujo:* Frans Schoofs, 45 Kleine Beerstraat. Antwerpen, Poŝtĉekkonto No 284. 20. —
*Ĉeĥoslovakujo:* Otto Sklenčka, Hradec Králové.
*Danujo:* Martin Blicher, International Boghandel, Hotel d'Angleterre, Kobenhavn.
*Estonujo:* Helmi Dresen, postkast 6, Tallin.
*Finnlando:* O/Y. Movado A/B. Helsinki, Kasarminkatu 20.
*Francujo:* R. Schwartz, 4, rue d'Hauteville, Paris.
*Germanujo:* J. Major, Altenburg, S. A. Hempelstr. 44
*Hispanujo:* Ferdinando Monserrat, Barcelona. Str. Villaroel 107, 2º 2ª.
*Italujo:* J. Mainardi. Viale Vittoria 1, Milano 21.
*Jugoslavujo:* Dro. D. Maruzzi, Zagreb, Jezuitska-ulica 1.
*Latvujo:* Talivaldo Indra, Posta kaste 475, Rig-
*Litovujo:* P. Medem Kaunas Smelingasse 12.
*Norvegujo:* Prjt. Rolf E. Bugge Paulsen, Huitfeldts-g. 35—1., Kristianio.
*Polujo:* Pola Esp. Servo Bydgoszcz-Dluga 1.
*Rumanujo:* Esperanto-Centro Rumana, Bucurest. Alea Suter 19.
*Svisujo:* Esperanta Librejo „Verda Steloa" Rosenheimstr. 5, St. Gallen-Ost.
*Usono:* The Esperanto Service Corporation Box 32 Weehawken N.

**LAŬVOLE SENDU ALTAN SUMON KAJ NI LIVEROS TIOM DA NUMEROJ, KIOM VALORAS LA PAGO!**

# MORTO

VLADIMIR POLJANOV*)

Timema lumo ludis en la olelampeto, sub la granda arĝenta krucifikso. Silentaj ombroj tremis turmente kaj dolore sur la muroj. En la ĉambro de la malsana studento estis trankvile. Neniu kuraĝis rompi la ordonon de la kuracisto: nek la patro, nek la tri fratinoj de la malsanulo. Ili silentiĝis en la anguloj de la ĉambro kaj atendis miraklon. Miraklon, kiu savus la mortemalsanan. Sed neniu kredis, ke ĝi venos. Ĝin ne kredis ankaŭ la malsanulo mem. Per mallaŭta voĉo li faris kelkajn aranĝojn pri la aferoj, kiujn li estus forlasonta por ĉiam. Tio ĉi plorigis ĉiujn. Turmente estas pensi pri tiu forvojaĝo por ĉiam de amata homo! Sed kiam la vortoj mallaŭtiĝis sur la lipoj de la malsanulo, kaj li senforte sin delasis sur la liton, liaj proksimuloj denove silentiĝis en siaj anguloj: la miraklo eble ne venos, sed ĉiu sentis, ke estus krime ne klopodi por faciligi ĝian vojon,



K. Kalivoda : En la preĝejo.

En la ĉambro estiĝis la antaŭa turmenta trankvilo.

Tiam aŭdiĝis sur la pordo du hakfrapoj. Malproksimaj kaj proksimaj, potencaj kaj misteraj. Sed forgesiĝinte en sia malĝojo, la patro kaj la fratinoj ne aŭdis ilin. Nur la malsanulo direktis timigite la rigardon al la pordo.

— Paĉjo, — li ekflustris.

*) *Vladimir Poljanov* estas juna bulgara verkisto kun moderna, simbola tendenco. Kelkaj el liaj rakontoj aperis en aparta libreto, kaj aliaj estas publikigataj en konataj bulg. gazetoj kaj revuoj kiel „Demokratiĉeski Pregled", „Zlatorog" kaj „Hiperion". Nuntempe li loĝas en München.

Plezure doninte sian konsenton por traduki liajn rakontojn en Esperanton, li skribis al mi interalie pri nia lingvo: „Mi opinias, ke Esperanto estas la plej bela eblaĵo (t. e. la plej bona rimedo) por malgrandaj popoloj, kiel la nia, popularigi siajn spiritajn valoraĵojn ĉe la manko de intereso al ilia gepatra lingvo flanke de la aliaj popoloj". I. H. K.

La patro saltis kaj iris al la lito, sed la malsanulo povis diri nenion pli. Lia rigardo nur terurite fiksiĝis al la pordo kaj timo kaj malespero konvulsiigis lian vizaĝon.

— Kio estas, filĉjo? — plorvoĉe demandis la patro, sed ne ricevinte respondon, li retiriĝis kaj tie, en la granda, malnova apogseĝo, li donis liberan fluon al sia ploro.

Tiam sur la pordo aŭdiĝis ripetaj, pli potencaj kaj pli proksimaj frapoj. Aŭdiĝis grinco de la pordo kaj sur unu el la muroj ekludis nova ombro: en la ĉambron eniris sinjoro. Li eĉ ne ekrigardis ĉirkaŭen, kaj, kiel malnova konatulo, alpaŝis rekte al la lito de la malsanulo.

— Mi venis! — li diris tute libere al tiu ĉi.

Sed la malsanulo lin rigardis mute, kaj el liaj okuloj ne foriris la antaŭa esprimo de teruro. La sinjoro ekridis.

— Tiel timigite vi rigardas min! Kaj vi sciis, ke mi venos. Ĉu vi ne konas min? Antaŭ dek jaroj ni renkontis nin. Ĉu vi memoras? Vi estis moviĝema junulo. Vi volis transsalti sur via ĉevalo la grandan fosaĵon en la antaŭurbo. La ĉevalo transvenis, sed vi restis en la kota fosaĵo. Vi estis malbona rajdanto. Ŝajnas al mi, ke tiam vi rompis vian kruron. Mi venis al vi kaj vin demandis, ĉu al vi estas oportune en la fosaĵo. Ĉu vi rememoras? Sed, venis homoj kaj ĉio fariĝis stulta. Post tiu gaja okazintaĵo ni renkontis nin ankaŭ duafoje. Al la diablo, kiel timigite vi rigardas min! . . .

— Paĉjo! — ĝemis apenaŭ aŭdeble la malsanulo, svingante per la manoj, kvazaŭ por forpeli malbonan vizion.

Sed tiun ĉi fojon la patro ne leviĝis. Li aŭdis nur lian ploron, pli laŭtan kaj pli turmentan. Unu el la fratinoj de la malsanulo ploregante forkuris en la najbaran ĉambron.

— Paĉjo! — penis krii duafoje la mortanto, sed la sinjoro etendis unu el siaj manoj kaj ŝtopis lian buŝon.

— Ne kriu! — ekparolis li. — Ili ne vidas min kaj mi volas, ke mia vizito restu nerimarkita. Krom tio ĝenerale estas malsaĝe krii. Antaŭe vi estis pli vira. Ĉu vi rememoras: nian duan renkonton? Tiam vi mokridis min. Tio okazis, kiam vi iris al duelo pro via amatino. Ah, kiel vi mokridis min en tiu tago! Kaj tiel impertinente vi plaĉis al mi treege. Mi volis je ĉiu prezo forkonduki vin kun mi. En mia societo malmultaj estas tiel kuraĝaj kia estis vi en tiu tago. Rememoru tiun plej belan tagon de via vivo kaj ne kriu. Kaj ĉu vi scias kiu mi estas? Ĉu vi rekonis min?

La malsanulo premis la buŝon, ia stranga tremo kaptis lian korpon. Sed li ne ekparolis.

— Ni iru! — siblis nun en liajn orelojn la sinjoro.

La malsanulo ekskuiĝis. Strangaj fortoj etendis lian korpon. Li ekrigardis malklare kaj demandis apenaŭ aŭdeble:

— Kien?

— Tiun ĉi vesperon mi aranĝas festenon. Vi devas ĉeesti. Pretigu vin pli rapide kaj sekvu min . . . Jen estas via frako kaj la flavaj gantoj . . . Sed kie estas viaj kartonaj duonŝuoj? . . . Vi devas nepre kunhavi ilin. Ha, jen ili estas . . . senbrue . . . senbrue . . . Vestu vin.

— Mi ne povas. Mi ne volas, — kontraŭstaris la malsanulo.

Sed la sinjoro komencis fariĝi malpacienca. Li eltiris horloĝon kaj diris:

— Mi promesis, ke ni kunvenos je la dekunua. Estos gaje. Vestu vin.

Kaj li komencis doni al la malsanulo liajn nigran frakon, blankan veŝton, pantalonon, kartonajn duonŝuojn. La mortanto nevolonte komencis vesti sin. Sed, subite, li rememoris ion. Li mordis siajn lipojn kaj ekĝemis dolore kaj timeme.

La patro saltleviĝis. Li rigardis sian malsanan filon kaj ordonis voki la kuraciston.

— Ke li tuj venu! Ke li tuj venu! — kriis li kvazaŭ freneze.

La restintaj en la ĉambro fratinoj forkuris timigite. Kaj la patro sin ĵetis sur sian mortantan filon. Li kriis, ploris, demandis, ĉirkaŭbrakis sian infanon:

— Aleĉjo, Aleĉjo, Aleĉjo! La kuracisto venos, Nun li venos. Vi devas vivi. Vi devas. Dio!

Kaj kvazaŭ la lasta vorto memorigus al li ion: li stariĝis, iris al la arĝenta krucifikso kaj, genufleksinte, li pie ekpreĝis.

Tiam la starnga gasto denove proksimiĝis al la malsanulo.

— Sufiĉas tiuj ĉi komedioj, — li komencis. — Ĉio ĉi estas malsaĝa. Kaj tie oni jam atendas nin. Pripensu, la festenon ĉeestos ankaŭ la amatino, por kiu vi duelis en tiu plej bela tago de via vivo.

— Emilia! — ĝojkriis la malsanulo.

— Jes, Emilia! — respondis la sinjoro. — Ŝi atendas vin . . . Jen, la duonŝuetoj estas jam vestitaj. Leviĝu kaj finu vian ceteran tualeton. Ne forgesu ankaŭ parfumon! Nepre ankaŭ parfumon!

La malsanulo malrapide stariĝis kaj ekvestis sin. Liaj lipoj senĉese flustras la nomon de sia amatino. Dume la sinjoro iras al la tualetejo kaj serĉas parfumojn. Li malfermas ĉiun botelon, ekflaras kaj forĵetas malestime la botelon:

— Banalaĵoj! Malsaĝaĵoj! Sengustaĵoj! Tio estas parfumoj!

Poste li iras al la jam vestita malsanulo kaj, eltirante el sia poŝo malgrandan boteleton, komencas aspergi liajn vestojn. En la ĉambro ekodoras je io putra, dispartiĝanta. Sed nun la sinjoro estas kontenta. Li frotas memkontente la manojn kaj diras:

— Nun estas bone. Jen vera parfumo. Nun ni povas ekiri.

— Jes, nun ni povas ekiri, — flustras la malsanulo.

La sinjoro eltiras duafoje sian horloĝon kaj diras.

— Ni alvenos ĝustatempe.

Li ĉirkaŭrigardas la malsanulon kaj subite kunpremas malkontente la lipojn:

— Vi estas tre distrita tiun ĉi vesperon. Vi ja forgesis viajn flavajn gantojn! Al la diablo, sen ili ne estas eble!

La malsana studento kliniĝas super la liton kaj prenas siajn gantojn. La sinjoro ridetas kun perforta afableco kaj etendas al li la manon:

— Nun ni povas ekiri. Sed senbrue . . . senbrue . . . senbrue . . .

Ambaŭ forlasas senbrue la ĉambron, ili malsupreniras la ŝtuparon kaj eliras sur la straton.

— Nun ni povas ekiri kiel kontentaj junuloj: senzorge kaj gaje? — proponas la sinjoro kaj rigardas esploreme sian kuniranton.

Tiu ĉi ekbalancas aprobe la kapon.

— Sengustaĵo! — diras la sinjoro responde. — Ah, vi estas tute perdita, mia kara!

Kaj la sinjoro svingas per mano al la proksime staranta nigra veturilo, kiu tiel strange memorigas funebran ĉaron.

Ambaŭ supreniras.

— Vi devas scipovi vivi! — diras la sinjoro kaj lokas sin oportune en la veturilo. — Ĉiu afero postulas sian harmonian medion. Kia simpluleco iri al eleganta festeno kun konvena tualeto, kaj esti tiel

kruda kaj forpreni la tutan stratan koton kun si.

— Emilia! — flustras sinforgese la malsanulo.

— Jes, Emilia! — respondas la sinjoro kaj prenante la komunikŝnuron apud la veturigisto, li ordonas ekveturi.

La veturilo ekiras malrapide kaj triumfe sur la larĝaj stratoj de la urbo.

La malsana studento estas en ia dormstato. Sed li ne povas ne rimarki, ke ilia triumfa vojaĝo faras impreson al la pasantaj homoj. Sub la lumo de la brilantaj lanternoj li vidas kiel la homoj respekte demetas la ĉapon kaj forpasas kun respektego kaj rezigno.

Kaj la veturilo senĉese transiras kaj zigzagas de strato al strato. Subite, ĝi haltas antaŭ granda konstruaĵo, forte lumigita ekstere kaj interne de brilanta flava lumo. Tri servistoj nigre vestitaj elkuras kaj malfermas la pordon por la veturilo.

— Bonvolu! — la sinjoro invitas la malsanulon kaj faras al li vojon por malsupreniri.

La malsanulo ekrigardas distrite la enirejon superŝutitan de floroj kaj eniras la konstruaĵon. En tiu momento li ekaŭdas ian trankvilan sufokmuzikon, sed samtempe malantaŭ li tondras la voĉo de lia kuniranto:

— Silentigu tiun arlekenan muzikon tie ekstere!

Li turnas sin kaj vidas kiel servisto riverencas la sinjoron kaj eliras sur la straton. Post momento la funebra muziko haltas, por ke en la interno de la konstruaĵo komenciĝu nova: fajfa kaj netolerebla, kvazaŭ estus kunvenintaj la plej malkleraj muzikantoj je vetludo. Sed kiam la malsanulo ekaŭskultis pli bone, li komprenis, ke tiu ĉi muziko ne estas frukto de malklero, sed de intenco. Ĉar li klare distingis sonojn, produktatajn de la kontinua ŝirado de la kordoj. De ŝtopitaj trumpetoj, de truitaj tamburoj.



K. Kalivoda: Posttagmeza Dormo

— Tio ĉi estas ĉiuokaze pli bona, ĉu ne? — la sinjoro demandis la malsanulon.

Sed tiu ĉi ne havis tempon por respondi, ĉar du servistoj malfermis pordon kaj antaŭ ili aperis vasta salono, plena de gastoj. En la sama momento la malsanulo rimarkis, ke la stranga kuniranto malaperis antaŭ li.

La salono estis ordinara, rektangula. De la plafono pendis multaj lustroj, kiuj disĵetis abundan lumon: flavan, kriantan. Sur ĝia ekstrema parto estis metita komforta apogseĝo, altigita je kelkaj paŝoj de la planko, sur kiu mano de ĉizisto estis plektinta figurojn kaj signojn. Super la apogseĝo estis videbla ia galerio, en kiu troviĝis la orkestro. Preter la muroj estis disĵetitaj floroj, multaj floroj. Sed tie, inter ili, troviĝis ankoraŭ io, kio faris frapantan impreson: apogite kontraŭ la muroj estis videblaj malfermitaj malvivulaj sarkofagoj.

Kiam la malsanulo paŝis la sojlon de la salono, la orkestro subite interrompis sian teruran muzikon, la gastoj silente ekmoviĝis al la muroj kaj ĉiu ekstaris antaŭ unu el tiuj sarkofagoj; de la kandelingoj, kvazaŭ el gigantaj buŝoj blovis, flirtis en grandaj flamoj netolerebla flava lumo. Al la sola apogseĝo alpaŝis la stranga kunvojaĝanto de la malsanulo, elirinta nerimarkite de ie kaj lokis sin en ĝi. Kaj ĝuste en la mezo de la salono, antaŭ la malsanulo, aperis ankoraŭ unu sarkofago, sed apud ĝi staris neniu.

Tiam aŭdiĝis la voĉo de la sinjoro en la apogseĝo:

— Sinjoroj, mi havas la honoron prezenti al vi nian novan amikon. En la realeco, eble li estas konata al multaj ĉi tie . . .

Ĉe tiuj vortoj la sinjoro turnis sin flanken kaj fiksis la rigardon al unu el siaj gastinoj. Kiel hipnotigita, la malsanulo direktis la rigardon al la sama flanko.

— Emilia! — ĝojkriis li.

Sed la sinjoro de la apogseĝo daŭrigis:

— Jes, li estas konata al multaj, sed, ĉar li eniras unuafoje en nian societon . . .

La gastoj preter la muroj riverencis respekte. Kaj nun la malsanulo vidis, ke ili ĉiuj estis iel aparte vestitaj. La viroj kiel li: en frako, blanka veŝto, kartonaj duonŝuoj, pantalonoj de delikata tolo, flavaj gantoj. La sinjorinoj: en blankaj kartonaj duonŝuetoj kaj en blankaj edziĝfestoj

Kaj aŭdigis sin denove la voĉo de la sinjoro en la apogseĝo:

— Alpaŝu, kara amiko, kaj okupu vian honorlokon meze de nia societo.

Kaj la sinjoro montris la malvivulan sarkofagon en la mezo de la salono. En la sama momento la kapelmajstro en la galerio svingis sian bastoneton kaj komencis denove la antaŭan sovaĝan nekonatan muzikon.

La malsanulo etendis la manojn al sia kapo kaj ekrigardis supren. Kaj li vidis ion, kio lin teruris: kiel iaj meĥanikaj pupoj ŝanceliĝis ĉiuj muzikantoj sub la sonoj de sia muziko, kaj la kapelmajstro svingis, anstataŭ la ordinara bastoneto, grandan malvivulan oston.

En tiu ĉi momento, tamen, du servistoj proksimiĝis al la studento kaj lin invitis al la sarkofago en la mezo de la salono.

Malbonodoro blovis en la vizaĝon de la malsanulo. Li ekrigardis la servistojn kaj timtremis: kvar timemaj okuloj lin rigardis, kvar musaj okuloj, kaj al li kliniĝis la malgrandaj pintbuŝoj de du ratoj.

La malsanulo fortiriĝis el la ungaj manegoj de la du servistoj kaj volis forkuri. Tiam ĉiuj gastoj lin ĉirkaŭiris. Kaj la sinjoro en la apogseĝo stariĝis kaj meze de la terura bruego ektondris lia voĉo:

— Metu lin sur lian lokon perforte! Puŝu lin en lian ĉelon, kaj se li kontraŭstaras, najlu desupre la kovrilon.

Kaj tute proksime al la malsanulo virina voĉo flustris:

— Submetiĝu, mia kara!

La studento rekonis tiun voĉon. Ondo de delikateco kaj ĝuo lin superverŝis kaj li sin sentis feliĉa. Miloj da karaj nomoj ŝprucis en li kaj volis esti esprimitaj. Li turnis sin. Sed la karaj nomoj sekiĝis sur liaj lipoj, lia ĝojo glaciiĝis: sub la lumo de la grandaj lustroj li fiksis la rigardon en la vizaĝon de sia amatino kaj, anstataŭ vizaĝo, li vidis du malplenajn malvivulajn okulkavojn, vidis timige dentmontrantan buŝon, vidis nudan, malvivulan kranion.

— Emilia! — ekploris la malsanulo kaj falis planken.

Kaj en ia terura sonĝo li vidis, kiel lin ĉirkaŭiris multaj homoj, nigre kaj blanke vestitaj, kaj super ili stariĝas la sinjoro en la apogseĝo, potenca kaj minaca. Ĉiuj kun terure dentmontrantaj buŝoj kaj malplenaj okulkavoj. Li aŭdis denove la sovaĝan muzikon, sonantan nun pli sovaĝe kaj pli freneze. Li sentis kiel lin ekmordis akraj, malgrandaj dentoj. Io malvarma kaj abomena, kio trarampis lian korpon kaj dronis en supera, neatingebla trankvilo.

— — — — — — — — — — — —

Timeme ploretas la olelampeto sub la granda, arĝenta krucifikso kaj sur la muroj kuras timigitaj ombroj. Apenaŭ estas aŭdebla la mallaŭta flustro de la preĝanta patro, kaj en la alia ĉambro — la sufoka plorado de la tri fratinoj.

Kiam en la ĉambron eniris la vokita kuracisto, la malsanulo kuŝis mortinte en sia lito.

Kun speciala permeso de l' aŭtoro
el la bulgara: I. H. KRESTANOFF L. K.

---

# POEMOJ DE VEIKKO ANTERO KOSKENNIEMI

EL LA FINNA: JOH. EDV. RUOTSALAINEN

## VIDU, HO, MIA ANIMO, LA ALTAN LEVIĜON DE L' SUNO!

Vidu, ho, mia animo, la altan leviĝon de l' suno
super tegmentoj kaj stratoj de ŝtona urbego,
super jarcentaj malveroj kaj horoj doloraj
helan tagiĝon!

Vidu, ho mia animo, feliĉon de vivo falonta!
Kvazaŭ templo senlima, ĝi antaŭ vi estas,
sub ĝiaj volboj silenta pieco de l' majstra spirito
blovas eterne.

Vidu, ho mia anim' eĉ en nokto plej altan helecon,
pacon kaj ĝojon eĉ en la doloroj de horoj mallumaj,
en la malver' de jarcentoj kaj en la malvero de l' vivo
veron plej firman!

## KONTRAŬ NOKTO

Longa, malhela, malvarma vespero kaj frostaj la astroj,
al la aŭtuna vesper' froston spiradas eter'.
Sekaj folioj de alnoj susuras nur kontraŭ fenestro,
en la vespera krepusk' — regas alie silent'
Tiel perfekta, ke povus mi aŭdi iradon de l' astroj,
Se ne batadus en brust' tiel laŭtfrape la kor'.
Ĉirkaŭ mi muroj de frostoj altiĝas kaj premas silento,
nude, stelplene la nokt' ĉirkaŭdensiĝas je mi.

Kontraŭokule mi vidas vin, Nokto, eterna vampiro,
frosta, de mondoj regant', Nokto, estranta sen am'.
Sortojn de l' astroj vi estras per sceptro glacia kaj kvazaŭ
songo de l' tutfrenezul' estas, sen viv', via leĝ'.
Siblo de viaj ĉarradoj jarcentojn mortintajn mezuras,
kie vi, frosta regant', iras en morta triumf'.
Vian potencon ne kontraŭatakis eĉ unu Titano,
sur la glacia sidil' regis vi, sen konkurant',
ĉion estantan, ho, jam de la tempoj de l' altaj eonoj.
Fajr' de oferoj vin ne povas moligi je kor',
kaj eĉ ĝemeto neniam aŭdiĝis al via muteco,
Amo el via rigard' brilis neniam, nek varm'.
Ĉion estantan vi premis sub vian kruelan ludadon
kaj katenitaj de vi mondoj rondiras sen halt'.
Kaj vi ne lasis esperon, nek celon aliajn al ili
ol la esperon de mort', ol la esperon de tomb',
Eĉ ne coleton da spaco libera, vi, infinitestro,
donis el via abund' al la kreitaj de vi.
Vian potencon mi vidas kaj forton mi konas, Vampiro,
sed ne sur via altar', brulos ja mia ofer',
kaj ne prikantas mi lipe pri via figloro glacia.
Estu trioble, Vampir', malbenegita de mi!
Kontraŭekcitas mi al vi la pleje potencan Titanon,
spite al via glaci' levas mi koron de hom',
solan brulantan, ardantan, sentantan inter malvarmo,
inter mortintaj el viv'. Flamon estingu en mi,
tamen, en via malvarm', dum momento, per propra ardado,
kaj ne per via pruntaj', portis mi torĉon de l' viv'.

Longa, malhela, malvarma vespero kaj frostaj la astroj,
al la aŭtuna vesper' froston spiradas eter'.

## POLVO

Unue jam infanoj ni vin vidis,
dum suno lumis tra fenestr' ardante.
Ni vian orodancon rigardante
sur benk' en muta miro longe sidis.

Kaj dum la tagomez' de l' vivsufero
vi ludis ĉirkaŭ niaj laboretoj
kaj ĉirkaŭ la bataloj, penoj, vetoj,
dum tempoj de labor', dolor', espero.

Kaj je la vesperiĝo de la vivo
vi karajn aĵojn kaj memorojn tegis
kaj ĉion per vualo griza regis,
kio plej kara estis en vivdrivo.

Tiel vi sekvas nin en nia sorto,
tra tuta viv' vi tuŝas niajn agojn,
vi polvo, ĉirkaŭanta niajn tagojn
ĝis ni mem estos polvo post la morto.



## LA MANOJ

Ho manoj karaj, vi per miozotoj
min foje kronis sub printempa sun',
sed kiel fluge pasis majnarkotoj
kaj koron premis brako de aŭtun'!

Ho manoj karaj: zorgoj, vundoj venis
kaj plej bruliga ard' de vivlabor',
de mia ŝarĝo vi duonon tenis,
dolorojn vi mildfingre viŝis for.

Ho manoj karaj, povis mi sub ventoj
subtenon vian sperti en l' anim'
kaj kien vi indikis dum turmentoj,
jen vokis, brilis stel' de malproksim'.

Ho manoj karaj, vi min plue flegu,
ĝis vintra nokto, mute, sekvu min;
ho manoj karaj, foje fermu, tegu
okulojn miajn por la morta sin'!

# MINSTRELO DE LA NOVA SENTO

## (LA POEZIO DE JULIO BAGHY)

NIKOLAO HOHLOV



a esperantista popolo posedas multajn bonajn Mariojn, kiuj prenis sur sin la pezan, penigan parton de la propaganda laboro. Ni sekvas ilian idealistan laboron kun kora estimo kaj sincera danko.

Sed ne malpli grandajn meritojn havas ankaŭ kelkaj Martoj de nia movado, kvankam la centro de ilia laboro havas alian bazon kaj ĝia pulso batiĝas malsame de la unuaj. Pri unu el tiuj Martoj, enmetinta en sian laboron ne nur tempon kaj bonvolon sed ankaŭ la tutan koron, pensojn kaj turmentojn, unuvorte: sian poezian talenton, ni nun tenu la parolon.

Kiel la heleblua reĝino de l'stelmondo, la nokta belulino Vega, tiel sorĉe kaj inspire brilas sur la firmamento de nia juna originala literaturo la stelo de la poezio de Julio Baghy. Ĝi estis aperinta kiel ĉarma surprizo kaj ĝian luman vojon nun avide sekvas la centoj kaj centoj da impresitaj, ravitaj koroj. Ĝi brilas, ludante per fajreroj de la unuaj, virgaj sentoj, ĝi entenas poezian freŝecon de l'koro, primitivajn, fruajn emociojn, kvazaŭ matenruĝon de homa spirito kaj alterne kun tio la nuboj de ĉagreno kaj melankolio tre ofte dense kovras ĝian luman vojon. Tiam la ĵetitaj per ili ombroj falas teren kiel amaso da aŭtunaj folioj kaj rebrilas per senesperaj vundorustaj koloroj, kiel bruligitaj flugiloj de papilio.

La diritaj vortoj ne pro flato aŭ hipokritemo kunmetiĝis en ditirambon. Ili estas veraj kaj facile pruveblaj.

Per kio alia ni rekompencu la poeton, kreintan novajn melodiojn por la muziko de nia poezio, levintan ĝin al envilnda alto — se ne per ditiramboj, se ne per ovacioj kaj fidelaj aklamoj: Vivu!

*

La poezio de Baghy estas tre diversflanka kaj tamen li ne estas skribinta multe, liaj poemoj ne „pluvis" per akvaj rimoj, kiel ĉe multaj aliaj poetoj, sed preskaŭ ĉiam prezentis el si florojn kaj perlojn de lia talento.

La unua impreso de liaj versoj estas ke la pleja parto de ili aspektas melankolie kaj pesimisme. Li multe plendas en la versoj, senreviĝas, en la mondo mankas por li aero kaj tial ni ofte vidas lin aŭ kliniĝantan sub la sortobatoj aŭ eĉ distriĝantan por momentoj per ekscitantaj, akraj ĝurimedoj. Tre malofta] poemoj aspektas gaje, en kelkaj la melankolion forigas profunda meditado, en kelkaj li kiel Minstrelo [1] de humanismo vokas al vero kaj en la poemoj, kien penetras juna amo, li ĉarmas per ĝojaj lirikaj bildoj. Sed ĉion tamen abunde vualas la melankolio kaj en ĝi dronas la aliaj koloroj de lia poezio. Tia estas la unua, arbitra impreso.

Tiu impreso estas forta kaj ĝi naskas en ni grandan deziron deĉifri ĉi tiun melankolion, kompreni en kio kuŝas ĝiaj kaŭzoj, kial la poeto sin nomas

> *larmo* de homo vaganta
> kiun konsolos per kiso la mort'?

Ili certe estas la samaj kaŭzoj, kiuj dolorigas hodiaŭ ĉiun delikatan, ardehonestan kaj vereman koron. La maljustaĵoj de l'vivo faras ĝin por tia koro inferno.

La poeto naskiĝis kelkajn jarcentojn pli frue ol li devis tion fari. Lian spiriton premas la hodiaŭa brutematerialista kaj hekatomba vivo. Lin kurbigas la malalta plafono de tiu ejo, kiun ni nomas „mondo" kaj „socio". Krom tio lia sorto estis speciale senkompata. La monda milito ne nur priridis liajn homajn idealojn, sed ĝi ankaŭ forprenis de li por longe la patrolandon, hejman fajrejon, ŝtelis lian junecon. Malproksime de la penatoj [2] en la frosta Siberio, inter strangaj kaj primitivaj homoj, infane krudaj kaj kruelaj, inter la hekatombaj scenoj de milita kaj revolucia febro — jen kie la animo de Baghy, lia liro, eksonis per la unuaj arĝentaj akordoj.

Da frosto kaj malvarmo la sorto sendis al li en abundo, sed sub la neĝa tavolo de l'vivo li konservis koran varmon kaj amon al la suferanta homaro.

Mirinda afero! Kiom da grandaj spiritoj kaj talentoj, ĉu ekzilitoj, ĉu okazaj loĝintoj — ni nomu Dostojevskij, Korolenko — revenis el tiu frosta Purgatorio kun animoj repurigitaj kaj koroj flamantaj.

Spirite neniam forlasinta sian Hungarujon, saturita per nostalgio pri ĝi, Baghy, veninte poste la hejman landon, eksentis strangan senton, laŭŝajne paradoksan, sed al kiu ni volonte kredas: li eksentis nostalgion pri la forlasita frosta Siberio!

En liaj poemoj tiu lando enkorpiĝis per reliefaj freskoj, konserviĝis en sonoj kaj bruoj de l'vortoj.

> La vestojn ŝiras frosta vent'.
> La korojn tordas larma sent' —

tiel malfermiĝas la paĝoj de lia malgaja historio kaj ni aŭdas knaron de la piedpremata neĝo, taktan marŝadon de la mizera trupo de l'militkaptitoj, milojn da kilometroj for de ĉiuj kulturaj centroj, tra la dezerta vojo, super kiu

> Nur korvoj krias.

Ne estas eble pli ĝuste priskribi la bildon, la sonoj speciale taŭgas por Siberio, la frosto kvazaŭ desaltas de ĉiu vorto, ĉiu silabo. Jes, la vorto *frosto* trapenetris la poezion de Baghy, li ĝin sentas kaj uzas poste en aliaj, tute aliaj landoj kaj momentoj kaj ĝi verŝajne prezentas ne malgrandan parton de lia nostalgio pri Siberio.

*

Sed en la lando de frosto, kiu fariĝis lulilo de lia melankolio, ĉe la premegaj bildoj de l'kaptiteco, en cirkonstancoj kiam

> Pro la glacia spir-nebul'
> larmas silente la okul',

Baghy ekkonis inter la neĝoj ankaŭ ĉastajn emociojn de l'amema koro, kiuj enportis en lian poezion klasike puran kaj elegantan lingvon de poemoj similaj al „Ama danco". Kio elvokis tiun poemon? Ĉu la poeto efektive estis ĝuinta dum la danco premon de la tremanta knabina mano, aŭ tiun kanton elvokis ia malnova rememoro? Kiel ajn estu, ĝi penetras en lian siberian versaron kvazaŭ sunradio kaj sub ĝi tuj degelas la neĝo de lia melankolio.

Tial por trovi veran ŝlosilon al la poezio de Baghy ni antaŭ ĉio devas kutimiĝi al la abundo de lia melankolio kaj kelkfoje eĉ perforte, kvazaŭ ĥirurgie, forigi ĝin. Des pli, ke la poeto mem helpas al ni,

[1] Mezepoka poeto, kiu kantis siajn poemojn akompanante ilin per korda instrumento. Rim. de l'aŭtoro.

[2] Dioj de hejmo. Angle, france, hispane: *penates*, Germane: *Penaten*. Rim. l'aŭtoro.

tiudirekte kaj montras ke la melankolio ne persekutas lin ĉiam, ne estas lia medio — ĝi estas „kanto *migra*". Ekzemple ni legas en la poemo „Mi" :

Laca sopiro, espero trompita,
rusta liuto, de sorto rompita
kaj eterna disharmoni',
Jen estas mi . . . jen estas mi!

Ho, tio sonas korŝire, sed, nia kara minstrelo, ĉu ne vi mem kantas apude en la „Kanto de l' vagabondo", en la sama frosta Siberio, kie naskiĝis ankaŭ via „Mi" :

Vagabond' de l' mondo estas mi,
Vaganta sur la ter'.
En animo regas harmoni'
Kun ĝojo kaj esper'.

Tre embarasanta kontraŭdiro, ia batalo de kontraŭaj simboloj kaj dualismo de celoj!

En la enkonduka versaĵo al „Preter la vivo" la poeto mem difinas sin multeflanka kaj por ni tiu multeflankeco, tiu ŝanceliĝo de lumo al mallumo, de ĝojo al mortsopiro, tiuj kontraŭdiroj, kvazaŭ garantias ke li ne estas ia eksterordinara pesimisto, ke lia melankolio estas natura kaj nemalsana kaj lia amema homa spirito ĝin nepre kaj ĉiam venkas.

*

Tiun certecon ni ĉerpas ankaŭ el la fakto ke en liaj poemoj jam ekzistas pozitiveco, mondaserto. Laŭ la vortoj de unu fama kritikisto: versoj per sia esenco jam estas optimismo, konfeso de eternaj valoraĵoj kaj belo; per versoj ĉiu poeto kvazaŭ aliĝas al la eterna harmonio kaj en la konkordan muzikon de l' vivo enportas sian noton, plenigas per si la ĝeneralan koncerton de la estado. Posedanto de l' ritmo, komponisto de l' rimoj, ne nur asertas la Dian kreon sed li ankaŭ daŭrigas ĝin.

Ĉiun prozon, eksteran kaj internan ni estas devigataj akcepti, per ĝi ni estas devigataj paroli, ni ne estas kulpaj pro ĝi kaj se ĝi nin kontentigas, tio signifas ke malmulton plu ni volas ricevi de la mondo kaj nur malvigle ni paŝas tra la vojo, sur kiun nin starigis ies nekonata ordono. Prozo ofte signifas inerton, submetiĝon, kaj pesimismon, oni ne devas multon postuli de ĝi, per ĝia lingvo parolas ja ankaŭ sklavoj, obeemaj plenumantoj de fremda ordono.

Sed se homon malkontentigas prozo, se li ĝin forĵetas kaj komencas skribi versojn, tio signifas ke li pie konfesis la mondekziston, preĝe kliniĝis antaŭ la sanktaĵoj de ĝia templo kaj estas preta ekkanti por ĝi siajn proprajn psalmojn. Poezio estas komenco, sed ĉu pesimisto ion komencas, ĉu ne en tio kuŝas lia malbenita esenco, ke li por ĉiam sin detenas de la iniciativo kaj dronas en la ordoj de l' profunda indiferenteco? Pesimisto eĉ ne daŭrigas, lin ne altiras, nek distras novaĵoj kaj tial lia elemento estas prozo. Per versoj, en la revelacio pri idealo, oni spirite konstruas super la videbla mondo ankoraŭ sian propran, novan. Nature, en versoj povas esti elmontrataj ankaŭ malespero, sopiro, eĉ sarkasmo kaj moko, sed en ilia bazo nepre kuŝas aserto kaj ilia kerno estas ĉiam nepre vivoportanta. Ĉar en poezio la vivo venkas.

Do ne malgajon kaj malagrablajn sentojn sed pian atenton devas alvoki ĉe ni la melankolio de Baghy. Ĝi estas ĉe li sankta. Ĝi apartenas al tiuj homaj doloroj, kiuj kreas kaj ne pereigas. Ne estas ja okaze ke ĝi esprimiĝis per internacia lingvo Esperanto, kreita same pro doloro pri la suferanta homaro. Per si mem ĝi estas ĉe Baghy fermento de multaj belaj poemoj, ĉar por la poeto

Kompreni la vivon signifas doloron,
Nur por senkorulo ĝi havas valoron.

La animo de la poeto kvazaŭ havas siajn proprajn plej sentemajn nervojn. Kaj ili estas nudigitaj, ili perceptas kaj reagas tiam, kiam ordinarulo nenion sentas kaj eĉ rimarkas.

Eble ne prosperos al ni kaŝi nian egoismon, sed pro la vero ni sincere diru, ke ni ne devas tro riproĉi la sorton, kiu sendis al Baghy purigantajn kaj inspirajn dolorojn, ĉar turmentante lin, la poeton, lia sorto satigas vin, la legantojn, en nia flama soifo pri la vivaj vortoj de l' vero. Ĉiu bato de l' sorto, ĉiu vundo de l' koro lasas ĉe Baghy postsignojn en tiu aŭ alia poemo kaj facetas liajn vortojn por ideala brilo.

Por la ilustro de tiu antikva veraĵo ni citu unu belegan lokon el romano de moderna armena verkistino Marietta Ŝaginján, kiu nomiĝas „Mallarĝa pordo". La heroino de la romano, Klara, prezentas al si la mondon tiel ke en ĝi

„la homoj estas similaj al korkoj: ili naskiĝas kun malpeza koro kaj ĉiam emas flosi sur la akvosupraĵo, serĉas ion malpezan kaj malplenan, ne elportas kaj timas la profundon; la vivo estas simila al maro, kies plej valoraj trezoroj, kiel perloj, sin kaŝas sur la fundo; la homo per sia propra, denaska pezo ne povas atingi la profundon de l' vivo — li, simile al korko, flosas sur la supraĵo de la mondpercepto. Kaj jen, por konduki lin al la profundo, ĝis la perloj, la prudenta Kreinto ĵetas sur la homon de tempo al tempo ŝtonetojn: la ŝtoneto trafas la korkonhomon, pliigas ĝian pezon kaj la korko falas sur la fundon, kie ĝi trovas por si perleron. Al la Kreinto ja plaĉas niaj doloroj. — Li eĉ por sia Filo donacis la perlon de la Reviviĝo ĵetinte sur lin la ŝtonon de Lia ĉerko".

Multajn ŝtonojn ĵetis la sorto sur la poeton kaj ĉiufoje, atinginte la profundaĵon de la doloro, li aperis sur la supraĵo kun novaj belaj perloj.

*

Sed ne nur ŝtonojn ĵetas sur nin la sorto. Ekzistas momentoj, kiam ĝi neatendite ĵetas florojn, aromajn kaj belajn. Ili profundigas nin por momentoj ankaŭ en la nirvano de l' feliĉo.

Kaj Baghy scias sonigi sian liuton por prikanti la momentojn de netera ĝojo kaj tiam liajn kantojn forlasas la melankolio kaj ni kvazaŭ vidas la alian vizaĝon de la duvizaĝa poeto.

Al tiuj senmelankoliaj perloj apartenas liaj „Ĝemo", elvokita per *ama* horo, „Ŝi" — belega poemo al la princino de l' koro, kies larmeroj devigas plori la naturon, la nubojn de la lazura ĉielo forigas la rido, el kies vortoj la melodio faras miraklon ĉar

vorto la ŝia jam faras korfuŝon.
Pie atendas mi vorton de Ŝi,
vorton premian de ama pasi'.

Kiel apudvoja floranta rozujo karesas la okulojn la „Konfeso" kaj spektre brilas la kvadrilritma melodio de la „Momentoj"; en la „Vi kaj mi" la poeto rakontas ĉarman alegorion pri la pratempo, kiam lia amatino estis princino de faraono kaj li mem — ŝia humila amanta sklavo; dum „Ŝia adiaŭo" jam entenas komencon de la malĝojo, kiun elvokas la disiĝo por ĉiam.

La floro, ĵetita de la ŝercema sorto, velkiĝas, velkiĝas ankaŭ la ĝojaj sonoj en la kantoj de l' poeto. Li daŭrigas prikanti la amon, sed en „Marinjo" ĝi subite rompiĝas, la ĝojo transiras denove al doloro kaj denove ploras la kordoj de la liuto, dum la

Ventblov' deŝiras florpetalojn
Kaj neĝo kovras tombojn, valojn.

kaj post kio, kiel ni aŭdas en la „Agordo" la vivo sen Ŝi fariĝas „tro tera . . . tro tera" kaj la koro batadas mizere, simile al „antikva, rustiĝinta horloĝo". Tiu alternado de la ronde sin ŝanĝantaj ĝojo kaj malĝojo, jen sub la suno de l' amo, jen sub la ombroj de plumbaj nuboj, stampiĝis en la poemoj de Baghy per returniĝantaj, cirklaj ritmoj kaj aliteracioj de valso. Nur lia valso ne estas banala valso de publikaj dancejoj. La valso de liaj ritmoj similas al malnoviĝinta, forgesita melodio de Chopin, kiun elklavigas nun solecaj, sed iam amataj, multe kisitaj fingroj kaj kiu fluas, rafinite per nokta freŝeco de longa tilia aleo, tra parko droninta en lunaj kisoj:

Kaj plendas plor'
de flordolor'
pri froste (sic!) brilanta la suno.
Kaj tremas ter'
en malesper'
Ĉar venis, alvenis l' aŭtuno.

*

Se la senkonsciaj sorto kaj naturo per la ŝajne sensencaj maljustaĵoj elvokas ĉe la poeto dolorojn kaj melankolion, la same senkonscia pasive-besta vivo de multegaj „laŭhaŭte fratoj"-homoj elvokas ĉe li venenan sarkasmon.

Multe amanta la homojn Baghy ne malpli abomenas tiun vivantan malbonon, vantecon, kiun portas en si la stultuloj, ordinaruloj, de kiuj ofte dependas la feliĉo kaj ĝojo de la aliaj, pli indaj homoj. Malgraŭ la evidenta neniaĵo de tiuj stultuloj, evidenta por ĉiu, ili tamen konsideras sin mem gloraj kaj famaj kaj sian vivon — portanta la fajron de Prometeo.

Kia moko! Kun tiuj homoj komparas la poeto kokon, kiu fieras starante sur la sterko kaj kiu pensas ke pro ĝiaj matenaj kikerikantaj sonoj aperas la suno. La fakto ke la samaj krioj ne povas haltigi la sunon dum la vespera subiro, neniel maltrankviligas la kokon kaj vespere ĝi blovite fabelas pri la gloro al sia „klukanta kokino",

La sarkasmon, pli aŭ malpli senteblan, sed ĉiam ĝuste trafantan la celon ni renkontas ĉe Baghy precipe kiam li tuŝas sociajn temojn. Lia „krioj de l' mizero" vipas per fajraj vortoj la socian ordon de nia vivo, la teruran kontraston inter la vivoj en riĉeco kaj en mizero. En „Horo de l' malespero" la ŝaŭmo de lia kolero ŝprucas el sur ĉiu linio de la poemo kaj li kvazaŭ streĉiĝas por kapti „lian reĝan moŝton — la monon" je gorĝo kaj sufoki ĝin.

Liaj atakoj estas iom naivaj sed fortaj, ĝuste pro tiu naiva, primitiva, malŝanceliĝa kuraĝo.

Ili ne okazas pro tezoj politikaj aŭ klasaj. Baghy ne havas jungitajn, antaŭe skribitajn leĝojn kaj doktrinojn, liaj doktrinoj de vera poeto estas absolutaj, celantaj absolutan veron. Sed ĉu la lasta ekzistas, demandos nin la legantoj, ĉu havas sencon serĉi la absoluton de l' vero, se la demando de Pilato: kio estas vero? — restis sen respondo?

Ho jes, ĝi restis nerespondita, ĉar ne ekzistis lingvo, nek vortoj per kiu oni povus klarigi al la Roma oficisto tion pri kio Kristo bezonis paroli al ni per sia krucumo.

Baghy apartenas al homoj, kiuj havas profetan fajron de l' animo kaj li *sentas* la veron, li *elektas* inter la agoj kaj faroj pro la vero. Ne estas eble klarigi tiun emon al vero per simplaj vortoj, oni povas ĝin trovi nur en la fundo de propra konscio, kie lumas nemoveblaj steloj, la amatoj de Dante kaj Kant, kaj tiuj steloj de la spirito kaj konscienco venkas nin per sia interna aserto. Ĝi ne povas esti parafrazita per logikaj aŭ raciaj formuloj. Ĝuste pro tio ekzistas diverseco de opinioj pri la absoluta vero. Sed tamen ekzistas ia logiko, kiu ne permesas al ni laŭplaĉe elekti inter „malamu", „mortigu" kaj „amu", „ne mortigu", kiu montras ke rajtaj kaj justaj nepre estas la du lastaj imperativoj. Ekzistas do iaj internaj imperativoj, kiujn oni trovas en ĉiuj homaj leĝoj kaj tradicioj kaj tiuj imperativoj kvazaŭ formas vojon al vero, apenaŭ kontureblan, sentatan nur intuicie de grandaj kaj noblaj spiritoj. Bedaŭrinde, estas tre malmultaj, kiuj havas tian sanktan donacon de intuicio. La plimulto eraras en siaj vojoj kaj trouzas la savantajn rimedojn.

La hieraŭa sklavo, multe suferinta sub la jugo kaj hodiaŭ ricevinta potencon, fariĝas eĉ pli terura turmentisto ol lia antaŭa sinjoro, la venĝo nebulas ĉiun komprenon pri justo kaj la homaro en ŝajna „Mesio Savanta havos baldaŭ" tiranon kaj, ni aldonu, la sarkasmo kaj atakoj de la poeto falos tiam sur la antaŭan defendaton, ĉar la poeto ne defendas ligite kun partieco, — li defendas kaj atakas pro justo kaj vero kaj li ne scias, laŭ bezono, ruze, konspire silenti.

*

En la poezio de Baghy lia personeco ludas tre gravan rolon, la pronomoj „mi", „mia" estas renkonteblaj sur ĉiu paŝo.

Postulante multe de la aliaj, la poeto postulas tre multe ankaŭ de si mem. Li estas modesta, li ne levas aroge la kapon, lin ne altiras la pompo kaj pri si mem li parolas ĉiam per minoraj tonoj. Sed sub la nebrilaj, modestaj vortoj ni klare rimarkas tiun grajneton de radiumo, kiu estas la animo de la poeto, vindita per la delikata ŝtofo de lia poezia talento.

Nur en unu sola versaĵo pri li mem, „Kanto de l' vagabondo", ni vidas lin senzorge rektiĝinta je plena kreskalteco kaj tiun versaĵon ni devas ŝati multe pli ol la „Mi" kaj aliajn, en kiuj la togo de melankolio kaŝas de ni la naturajn trajtojn de la poeto, ekspozicias lin tro poze.

La „Kanto de l' vagabondo" montras, ke malgraŭ la eksteraj katenoj, senditaj de l' sorto, li posedas grandan internan liberon de l' penso kaj intelekto, posedas spiriton de vagabondo, kiu levas lin alte super la sursterka mondo de koksimilaj uloj. Ni scias ke tiun vagabondan internan liberon li ŝanĝus por la trankvila koka vivo je nenia prezo.

En alia rimarkinda versaĵo, „Dolora deziro", la poeto levas anguleton de la kurteno, kiu kaŝas malantaŭ si la ĉefajn kaŭzojn de liaj doloroj kaj tiu versaĵo pravigas tutan lian melankolion. Ni ne preterlasu la apartan stilan belecon de tiu versaĵo, en ĝi Esperanto ne nur estas lingvo vivanta, sed ĝi ricevas kvazaŭ homan - dolorantan animon kaj ĉiu ĝia vorto fandiĝas je viva sento. Traleginte tiun poemon multaj „ĝuantoj de la lingva beleco" profunde ekamos la lingvon, kiu jam en sia frua periodo donas veston por la plej subtilaj pensoj kaj metaforoj.

Baghy scipovas la lingvon ne nur majstre, sed li uzas ĝin en la poemoj per la plej elektitaj formaĵoj. Ne estas bezone, ke ni citu tie ĉi iajn ekzemplojn. Ĉiu paĝo de „Preter la vivo" estas ekzemplo de perfekta muziko, moderna kaj ĉiam originala. Ne vane la muzikistoj transponas liajn poemojn je romancoj kaj serenadoj. Inter la poezio de Baghy kaj sonanta muziko kuŝas iu proksimiga ponto, kiu faras facila kaj alloga la senperan transiron kaj kunigas du similajn esencojn je unu ĝenerala tuto.

„Preter la vivo" klare evidentigas kian grandan preparan laboron faris la poeto antaŭ ol tiel sukcese debuti per siaj poemoj. Sed krom la laboremo kaj ĝenerala klereco li posedas ankaŭ artistan guston kaj muzikemon, li racie utiligis la ekzemplojn de sia nacia poezio, konata pro ĝia forma beleco, — li do venis moderne armita por almiliti niajn korojn.

Lia liro estas noble, alte agordita, la ŝercoj kiel „Nazo de Alhanazo" aŭ la groteska „Sanga nokto" sonas iomete false kaj maskite. Ni ne trovas

ĉe li pastoralojn, eklogojn aŭ vilaĝajn idiliojn. En la mirinde belajn priskribojn de ekzotika naturo kaj maro li enmiksas siajn sentojn, li levas la elementon ĝis la nivelo de sia spirito.

Vagabond' de l' mondo ne serĉas la trankvilon de koka vivo, ĉar en la mondo trankvilo ja signifas inertecon kaj morton. Ĉie kie la vivo ne dormas, ĝi pasas sub egido de batalo kaj kie estas batalo, tie ekzistas ankaŭ venkintoj kaj venkitoj. Sin mem Baghy ne konsideras venkinto, sed gustuminte multajn maldolĉajn sortobatojn, li fordonas sian noblan liron al la defendo de venkitoj kaj pereantoj. En la poemoj „Tragedieto", „Interrompita romano", „Preĝo sur la strato", „Turmentaj demandoj" li per la plej elektita poezia stilo estas batalanta sur la flanko de mizero, malfeliĉo kaj malsato. Kaj la aliajn li scias defendi multe pli temperamente, o! li defendas sin mem.

Ni transiru nun al la paĝoj plej valoraj por ĉiuj veraj Esperantanoj en la poezio de Baghy, nome al tiuj, en kiuj li aperas kiel kantisto de interhoma frata solidareco, de reciproka kunhelpo, humanismo kaj homaranismo. Nur sur tiuj paĝoj lia ardanta spirito sin ektrovas en medio, kie ĝi povas krei senbare, la ŝipo de lia intelekto atingas profundan akvon kaj larĝe malferminte la blankajn flugilojn-velojn, ĝi rapidas renkonte al la suno, al la nova, aspirata mondo.

Fidela adepto de sia Majstro, sin levinta ĝis li kaj profunde eksentinta ĉion noblan kaj idealan, kion Zamenhof enspiris en la Esperantan ideon, — Baghy fine trovas sian destinitan lokon, la ondoj de melankolio vane penas atingi la blankajn velojn de lia ŝipo kaj lia liuto de minstrelo ekludas rolon de kompaso.

Nova sento, salutas kore vin ni kune,
regu en nia frata rond'.
Nova sento, radioj viaj brilu sune,
Portu komprenon por la mond'.

Tiel li kantas la strofojn de esperiga himno, portanta belan ideon. Por ĝin enkorpigi la homaro bezonos ankoraŭ multajn jardekojn, sed kia feliĉo! — la kanto pri ĝi jam eksonis kaj ni jam estas laborantaj por ĝia efektivigo!

Hardite ni kun ĝojo
rapidu sen ŝancel',
ĉar gvidas ĝi sur vojo
tra l' nigra nokt' al cel'!

Daŭras la nigra nokto, sed la poeto per akraj animaj okuloj jam vidas la lumturojn de la Promesita Lando. Ofte nebuloj kaŝas ilin kaj la nokto fariĝas neeporteble sencela kaj al la poeto

ŝajnas ke lia malforta homvoĉo
droninta en zumo de ondo,
nur estas ridata, mokata riproĉo
pri l' celoj tre vanaj de l' mondo.

Sed interne de si li aŭdas savantan voĉon:

Ordonas klare por ni
mistera kora son':
Por teran pacon formi
vi, homo, restu hom'!

La Promesitan Landon povos atingi nur la elektitoj, kiuj trovos kaj konservos en si la homecon. Sed trovi ĝin oni ne povas ekstere, ĝi estas en nia interna mondo. La sep filinoj de la diablo forte tenas ĝiajn membrojn kaj antaŭ ĉio ni liberigu ĝin el tiuj inferaj ĉirkaŭprenoj. Ambicio, envio, malico, ĵaluzo, arogo kalumnio kaj egoismo kaj aliaj anoj de la malbenita amilio potence regas ankoraŭ nian internan mondon, kaj la poeto alvokas renversi ilian regnon. Li krias al la homo:

Blinda mondo de l' homa envio,
Perdiĝis prudento de l' koro.
Suferojn alportas la horo,
ĉar nun regas vin surda pasio.
Vi baraktas en ĉena katen'
alforĝita de vi — al vi mem.
Homo, serĉu la homecon!

Kien malaperis la ploraj pinĉsonoj de la linto? Rigardu la poeton. Kiel inspirite li staras sur sia mirakla ŝipo, kiel transformiĝis liaj vortoj kaj anstataŭ kompato ni sentas antaŭ li tremeton de la gvidatoj.

Mia homfrato, tenu alte la kapon!
Via kompato ne estingiĝu en koro
por la suferoj de l' homaro!
Sklave trompite ne forlasu la kampon,
brave hardite iru al celo en gloro
venki la barojn de l' miljaro.

Ĉiuj malbonaj spiritoj de l' mondo atakas la ŝipon de la poeto. Teruraj ondoj plaŭdas kaj transsaltas la ŝipobordojn Kaj ni vidas miraklon: La poeto de l' paco sin preparas por la batalo kontraŭ la vivo. Kolere brilas liaj okuloj, fortike tenas la mano la direktilon . . .

Kaj se survoje ekĝemos la voĉo
plena de akra homa riproĉo
pri l' vojo laciga, vaneco de l' celo,
pri falsa moralo de l' tero, ĉielo,
ke vivo de l' homo nur ĉiam atendi
kaj plekti revaĵojn kaj plende pripenti, —
ne kredu al voĉo de celon perdintoj,
sed marŝu obstine pli supren al pintoj.

*Excelsior!* Baghy — viro, vi estas revenanta el la gajnita batalo kaj ni kronas vian kapon per laŭra nimbo! Konduku nin, ni estas viaj humilaj sekvantoj!

Nova sento, magia forto de l' konkordo,
je vi sopiras la fratar'.
Nova sento, kerubo de l' socia ordo,
gardu la pacon de l' homar'!
La pacon kreas amo,
Homecon gardas ĝi,
Ni ĵuras ke ĉi flamon
ne ĵetos for de ni.
Ni semos, se modeste
sed sen ripoz', sen lac',
ke fine venku feste
tutmonda homa pac'!

Jes, ni ĵuras ne forĵeti la sanktan flamon, eklumigitan de l' Majstro kaj sankte portatan de lia fidela disĉiplo. En nia senripoza laboro por la tutmonda paco ni ravite sekvas la alvokojn de via liuto, nia amata kaj kara kunfrato, nia minstrelo de la Nova Sento.

# PALA PROCESIO

K. DE KALOCSAY

Ho, procesio de knabinoj palaj:
Vizaĝoj flavaj kaj malĝoj-vualaj.
En la sunbrilo de l' somer-maten'
Vi marŝas, marŝas kontraŭ tag' de pen'.
Atendas vin la kor-muelaj horoj
En la fabrikoj kaj en la kontoroj.
En lit' ĉifita restis la fiktiv'
De l' dolĉaj sonĝoj . . . Jen la viv' — la viv' !
Funebra, longa, longa procesio
Je l' enterigo de la iluzio,
Je l' enterig' de ĝojo kaj de ĉarm' :
Vidante vin mi luktas kontraŭ larm'.

La brustojn peza vivo senkompata
Jen premas plata, senespere plata,
Ĝi klinas dorsojn, ŝtelas el rigard'
La artfajraĵon de la juna ard'.
Sur la vizaĝoj sidas trajt' enua
Kaj ĉe l' okuloj jam sulketo frua,
Sopiroj kuŝas en la kor' kun sven',
Sub pezaj ŝtonoj de la taga pen'.
Ho, orfaj floroj de l' ĝarden' de Dio,
Vin ne vizitas gaja papilio,
La papilio de la hor' de am' . . .
Burĝone velkas via florornam'.

Ho kiel volus mi kun krio voka
Elŝiri vin el brak' de l' urb' sufoka
Kaj gvidi vin en kanta, danca rond'
Sur la deklivon de sunbrila mont'.
Sur viajn harojn ŝuti kampoflorojn:
Kolorojn pruntu ili kaj odorojn.
Rigardojn viajn ĵeti al ĉiel' :
Sin banu ili en la blua hel'.
Kaj vin aspergi per radioj sunaj:
Vin ili kisu sanaj, ruĝebrunaj.
Stariĝi sur la pinto de l' dekliv'
Kriante: iru, ĝoju al la viv' !

Kaj pluv' de ĝojo el ĉiel' sennuba
En brusto seka, sarkherbaĵa, duba
Ĝermigas riĉajn spikojn de la fid';
Sonorilflorojn de l' perlanta rid'.
Vi dancas, sur la kapoj kun festonoj,
Turnante ronde vin je flutosonoj,
Dum tikle, dolĉe vibras en la spin'
La ebrieto pro l' miela vin'.
Aŭ vi sur branĉoj vin balancas kuŝe,
Fruktsukojn dolĉajn sorbas plenabuŝe,
Ĝis vin al sorĉaj kampoj logas for
La papilio de la ama hor' :

Pel-ludi, rifuĝante de l' sopiro,
Petole kiel nimfo kun satiro,
Spirege fali kaj kun ĝoja trem'
Kapitulaci al la ĉirkaŭprem',
Dum viajn kisojn per foli-susuro
Flustrante benas la Patrin-Naturo . . .
Ho plen' de l' vivo! Ho triumfa Jes!
La viv' Donaco estas kaj Promes' !

— — — — — — — — —

Ekpalas, falas, mortas iluzio
Kaj marŝas, marŝas pala procesio . . .
Okulangule gutojn du de plor'
Mi viŝas honte, kun senpova kor'.



# LA POŜTUKO

PAŬLO DE LENGYEL



La unuan tagon de majo, je la oka horo vespere, malĝojiĝinta junedzo, kuŝanta sur la kanapo en sia modesta skriboĉambro, mallaŭte ploris.

Por kontentigi la eble vekiĝantan scivolemon, mi sciigas, ke tiu ploranta edzo estis mi...

*

Krom junedzo, mi estas kontrolisto en la ŝtata statistika oficejo. Hieraŭ, la 30-an de aprilo, kiel ĉiam la lastan tagon de monato, la laboro amasiĝis kaj por ebligi la pretigon de la monata statistiko de l' statistikaj aferoj, mi, preninte la necesajn aktojn alportis ilin hejmen, kaj laborante ĝis la noktomezo, mi sukcesis fini la monatan taskon.

Tiun tagon mia edzino havis kapdoloron. Noktomeze, post la fino de mia laboro, enirinte en la dormoĉambron por kuŝiĝi, mi vidis, ke mia edzino trankvile dormas. Konsiderante ŝian kapsuferon, mi ne volis ŝin veki; mi do reiris en mian skribejon kaj kuŝiĝis sur la kanapo.

Matene, iom laca, mi vekiĝis. Lavinte min mi komencis min vesti. Dume venis mia edzino, en helverda negliĝo:

— Bonan matenon, Paŭlo, Ĉu vi dormis tie ĉi?

— Jes, mia kara Ludovikino, — mi respondis. — Mi laboris ĝis noktomezo, kaj tiam vidante vian dolĉan dormadon, mi ne volis ĝeni vin, sekve mi pasigis la nokton tie ĉi, sur la kanapo. Ĉu vi bone dormis, kara mia? ĉu via kapdoloro jam malaperis? — demandis mi, kisante ŝin kaj daŭrigante mian vestadon.

— Jes, mi dormis iom, sed mia kapo doloras ankoraŭ; tamen ŝajnas al mi, ke la doloro iomete cedis.

— Certe ĝi baldaŭ ĉesos, vi ja bone aspektas, kara Ludovikino. Sed nun mi rapidas en la oficejon. Estas baldaŭ la oka horo, kaj hodiaŭ ni havos fortan tagon: estas la unua de monato, la unua de majo, de la ĉarma majo! Kiel bela vetero! sunradioj! la pepado de la birdoj! ... ho, dia naturo! ... sed, je diablo, kie estas mia kravato? mi ne trovas ĝin. Mi ne havas tempon por serĉi ĝin longe, donu al mi alian kara Lunjo, mi devas jam rapidi...

Baldaŭ mi troviĝis en mia oficejo, kie mi pasigis la antaŭtagmezon en febra laboro.

*

Tagmeze mi rehejmiĝis por tagmanĝi, kiel ĉiutage. Mian edzinon mi trovis en malbona humoro; ŝi ne manĝis, nur direktis al mi siajn okulojn senmove.

— Nu, mia Lunjo, ĉu via kapdoloro daŭras ankoraŭ?

Ŝi kuntiris siajn brovojn, fikse rigardis min, sed ne respondis dum kelkaj sekundoj. Poste ŝi malrapide eltiris poŝtukon el sia poŝo kaj subite, akratone demandis:

— Al kiu apartenas tiu ĉi poŝtuko?



George Sauter: Bukedo.

Tiu stranga demando surprizis min tiagrade, ke mi forgesis fermi mian buŝon.

— Tiu poŝtuko? ĉu mi scias? — mi diris poste. — Sed kion signifas tiu ĉi stranga demando?

Nun ŝi rigardis min ankoraŭ pli fikse:

— Oni ja vidas, ke ĝi estas virina poŝtuko!

— Povas esti. Eble ĝi apartenas al vi mem, — mi diris ridante. — Vi ŝajnas esti en bona humoro, mia kara Lunjo; kredeble via kapdoloro estas jam for, kaj jen vi prezentas al mi ŝercajn enigmojn. Nu, mi aŭdu la solvon!

— Ne ŝajnigu vin tiel malsprita, sed respondu: al kiu apartenas tiu ĉi *virina* poŝtuko? — ŝi rediris kvazaŭ kriante, substrekante la vorton „virina" per altvoĉa kriego.

— Mi ja ne scias; mi jam diris, ke eble al vi mem.

— Ne, ne al mi. Vidu, ĉu mi havas tiaspecajn poŝtukojn? Kaj ŝi eltiris tukon el sia poŝo, kiu vere multe diferencis de la alia.

— Nu, — mi respondis

subpremante oscedon — do ĝi povas aparteni al la maljuna Katerino.

Tiu Katerino estas sesdekkvinjara virino, edzino de kripliĝinta fervoja ekslaboristo. Ni ne estis sufiĉe riĉaj por havigi al ni ĉambristinon; tamen, por iom helpi al mia edzino, ni dungis tiun ĉi maljunulinon por duhora laboro ĉiutaga.

— Ha-ha-ha! — ekridis ŝi nerve. — Al la maljuna Katerino! Tiu poŝtuko! Nu, vi malsukcesas en la solvo de problemoj, vi! Eĉ blindulo vidus, ke tiaspeca poŝtuko ne povas aparteni al servistino, al kamparanino, al simplulino, al tia sensignifa maljunulino, tiu parfumita poŝtuko...

Kun brilantaj okuloj ŝi parolis kaj ŝiaj trajtoj preskaŭ deformiĝis.

„Certe ŝi havas nervatakon, — mi pensis — ŝi mem eble ne scias, kion ŝi parolas.“ — Poste laŭte:

— Kara Lunjo, ripozu iomete. Kuŝiĝu. Ne pensu plu pri tiu poŝtuko; ĝia posedanto zorgu pri ĝi. Trankviliĝu. Lasu tiun poŝtukan aferon eliri el via bela kapo. Venu, kisu min, mia kara; ni devas nun disiĝi; estas baldaŭ la dua horo, mi devas reiri en la oficejon.

Akre ŝi repuŝis min kaj raŭke daŭrigis:

— Ke mi trankviliĝu! ke mi ne parolu plu pri tiu poŝtuko! Tiu temo do ne plaĉas al vi, certe ne! Kaj en via embaraso vi riskas al mi kredigi, ke ĝi apartenas al la maljuna Katerino! Ha-ha-ha! Sciu, ke precize la maljuna Katerino retrovis ĝin, kune kun via kravato, en via skribejo, malantaŭ la kanapo, sub la kanapo. Ili kuŝis tie kune, sub la kanapo, retrovitaj de Katerino, kiu ilin transdonis al mi. Do, Paŭĉjo, elpensu alian provon de senkulpigo por vi, Paŭlo, iom pli saĝan, Paŭlaĉo, pli logikan, pli verŝajnan, estimata Papaĉo!

Ne nur la temo, sed ankaŭ tiu degradado de la formo de mia baptonomo komencis min tedi. Precipe tiu lasta formo. Antaŭ unu jaro, kiam ni estis tutnovaj geedzoj kaj en plena feliĉo vivadis la tagojn de nia „miela epoko“, ŝi nomis min karese „Papaĉo“. Nun tiu karesa nomo fariĝis malkaresa kaj sonis terure el ŝiaj kisindaj lipoj.

— Lunjo! mia kara Lunjo! — mi provis interrompi — vi estas malsana, vi havas febron; pro Dio, karulino, trankviliĝu.

— Silentu! — ŝi kriis al mi preskaŭ maldelikate. — Aŭ parolu: al kiu apartenas tiu ĉi poŝtuko?

Mi ektimis. Dio! tiu sovaĝa rigardo! Serioze mi pensis pri speciala kuracisto. Mi ne respondis, mi ne kuraĝis eligi eĉ unu vorton. Mia Dio, kio estas, kio okazis al ŝi? Kio ekscitis ŝin tiagrade?

— Do, ĉu vi ne kuraĝas paroli? ĉu vi ne kuraĝas respondi? Mi do respondos anstataŭ vi: tiu poŝtuko apartenas al ŝi, al tiu virinaĉo... al tiu fiulino... kiun mi ne konas ankoraŭ; sed mi ne ripozos, ĝis mi senmaskigos ŝin... kaj ankaŭ vin... mizera adultulo!

Tiam ŝi leviĝis de la seĝo, ĵetis al mi malŝatan rigardon de la kapo ĝis la piedoj, sin turnis, kaj kun altlevita kapo, per majestaj paŝoj ŝi eliris el la ĉambro.

Nun mi preskaŭ falis svenante. Nenia dubo: mia edzino estas ĵaluza!

*

Posttagmeze, en la oficejo, la ciferoj dancis antaŭ miaj okuloj. Sed mi devis ilin haltigi kaj orde vicigi: ja estis la unua de monato, oni nepre devas fari la resuman statistikan raporton, kaj ĝi estas mia tasko. Feliĉe, mia laborenergio kaj devosento venkis mian korpremon, kaj la oficiala raporto estis tute preta antaŭ la kvina horo.

Post la labortempo mi sentis kvazaŭ mia kapo estus remburita per ciferoj, kiuj zume zigzagas en ĝi. La vetero estis belega, varma. Ordinare ni ne vespermanĝas antaŭ la sepa horo; mi do havas ankoraŭ duhoran libertempon.

Nu, por ripozigi kaj aerumi mian ciferarŝtopitan icerbon, mi eniris en la urban promenejon. Tu ĉi estas granda florĝardeno kun maljunaj kaj junaj arboj; kun iom da kuraĝa fantazio oni povus ĝin nomi eĉ parko. Kiel mi jam diris, la vetero estis favora, modele printempa. La hirundoj sagorapide flugis super mi, kaj la seriozaj arboj intime balancis siajn branĉetojn, vigle dancigante la junajn foliojn. Diverskoloraj papilioj flirte ludpelis unuj la aliajn. La siringoj parfumis sian ĉirkaŭaĵon, kaj mi plenpulme enspiris la balzaman aeron. Festa silento ĉie; nenia brueto profanis la solenan diaĵon. Ho, naturo, ĉarma, dia naturo! kiel elokventa vi estas en via silentado!..

Sed jen, nun murmureto profanis la solenan silenton: ĝi venis el mia... stomako! Mi estis malsata. Kaj prave, mi rajtis esti tia, ĉar estis jam la sepa horo. Do, mi reiris hejmen.

Tie mi trovis mian edzinon en la manĝoĉambro, sidanta ĉe la tablo; ŝi ŝajnis malĝoja.

— Kara mia Lunjo, — mi komencis la interparolon — kiel vi fartas? ĉu vi sentas vin jam pli bone? Kial vi restis hejme? kial vi ne eliris? la vetero ja estas belega, varma, alloga. Vi estis malprava, mia kara edzineto, ke vi pasigis la tutan posttagmezon inter kvar muroj. Vidu, mi faris grandan promenadon post la ofica labortempo en la urba ĝardeno; ho, kiel bele estis! Kaj nun mi havas tiel viglan humoron, tiel bonegan apetiton...

Dum mia parolo ŝi rigide rigardis min kaj nun subite interrompis:

— Al kiu apartenas tiu poŝtuko?

Mi ekŝanceliĝis. Jen, ŝi rekomencas. Certe ŝia cerbo ne funkcias normale. Mi ne sciis, ĉu mi devas koleri aŭ kompati. Mi provis konsoli ŝin:

— Karulino, kian fiksan ideon vi prenis en vian kapeton! Elpelu tiun nigran ideon kaj venu, kisu min.

— Do, — ŝi rediris — vi absolute ne volas penti vian kulpon? Mi konsentus pardoni al vi, se vi konfesus, al kiu apartenas tiu poŝtuko, — ŝi daŭrigis kun ruza mildeco ŝajna, sed kun nekaŝeble tremanta voĉo.

Mi jam malfermis mian buŝon por respondi ion — mi mem ne sciis kion, — kiam oni frapis sur la pordo.

Mia fratino Vilhelmino venis ĉe nin.

— Bonan tagon, miaj karaj, — ŝi diris rapide. — Dankon, mi ne sidiĝas, mi tuj foriras. Diru, Ludovikino, ĉu vi ne retrovis mian poŝtukon?...

— Jes! jes! jes! — mi ekkriis, ĝoje desaltante de la seĝo, tiel ke ĝi brue renversiĝis. — Lunjo, redonu ĝin al Vilhelmino. Nun vi scias, al kiu apartenas tiu poŝtuko!

Ludovikino malvolonte eligis la poŝtukon el sia poŝo kaj etendis ĝin al Vilhelmino kun severa mieno.

— Jes, ĝi estas tiu, mi dankas. Antaŭhieraŭ, kiam mi vizitis vin, kara Ludonjo, verŝajne ĝi falis el mia retikulo... vi scias, en la ĉambro de Paŭlo, kie ni prenis laktokafon. Dankon, mia kara! Nun mi forrapidas. Mi estis en la najbara domo, ĉe amikino Maria la edzino de l' uzinestro, tial mi profitis la okazon kaj mi venis ĉe vin, mia kara, por retrovi mian poŝtukon. Mi estis preskaŭ certa, ke mi faligis ĝin ĉe vi. Sed mi nun forkuras, ĉar nia loĝejo estas ŝlosita kaj mia edzo ne povus eniri, se nun li neatendite revenus el la kontoro. Do, bonan tagon, miaj karaj! Kiel belega vetero! estas varme, varmege! Verŝajne ni havos tempeston, certe ni ricevos pluvon por la nokto. Nu, ĝis la revido!

Rapide ŝi foriris, eĉ ne atendante saluton.

Superece mi ridetis al mia edzino kaj ŝercmoke diris:

— Nu, kara Lunjo, ĉu vi estas nun kontenta pri la solvo de via mistera problemo?

Malrapide ŝi levis sian kapon kaj komencis min rigardi kun timige brilantaj okuloj.

— Via fratino fariĝus bona aktorino, — ŝi diris ironie — ŝi ludus bonege sian rolon.

— Jes, ŝi parolas kun ia certeco kaj flue. Bedaŭrinde estas nur, ke ŝi uzas kelkajn neologismojn, kiel: retikulo, uzino, tempesto.

Freneze ŝi ekridegis.

— Mi tamen ekscios! — ŝi stertoris — malgraŭ via obstineco! Lastfoje mi demandas: al kiu apartenas tiu poŝtuko?

La ĉambro komencis turniĝi kun mi, miaj okuloj malheliĝis, la oreloj ekzumis, kaj kontraŭvole mi sidfalis sur seĝon, kun sekiĝinta gorĝo.

— Lunjo... Lunjo... mia kara Lunjo, — mi balbutis — vi ja mem vidis kaj aŭdis la pruvon, la respondon al via demando...

— Kie vi pasigis la tempon inter la kvina horo kaj la sepa? — ŝi demandis, dum el ŝiaj okuloj eliĝis penetraj radioj kvazaŭ fulmoj.

— Sed, mia kara Lunjo, mi jam diris al vi, ke mi promenis en la urba ĝardeno, por ĝui la printempan...

— Vi mensogas! — ŝi interrompis kvazaŭ brutale, pugnofrapante la tablon. — Vi mensogas, Papaĉo! Vi ne estis en la urba ĝardeno, Papaĉo! Sed vi estis ĉe via fratino, Papaĉo! Vi vizitis ŝin, Papaĉo, kaj vi rakontis al ŝi vian aventuron, Papaĉo! Kaj vi raportis al ŝi pri la poŝtuko, Papaĉo! Kaj vi petis ŝian helpon por savi vin, Papaĉo! Vi petis ŝin, ke ŝi entreprenu, ke la poŝtuko apartenas al ŝi, Papaĉo! Kaj ŝi aŭskultis vin, Papaĉo, kaj ŝi nun klopodas sin ŝajnigi la posedantino de la perfida poŝtuko, Papaĉo! Sed ŝi ne sukcesas, Papaĉo! Mi ne estas blinda, Papaĉo! Mi senmaskigos vin, Papaĉo, vin kaj vian amatinon, Papaĉo! Kaj mia venĝo estos terura, Papaĉo! Tremu, tremegu vi ambaŭ, Papaĉo; ve al vi, Papaĉo, kaj ve al tiu aĉa ulino, al tiu... al tiu... al tiu! Jes ve al vi ambaŭ, vi, malhonestaj, senhontaj mizeraj geadultuloj!...

Tiam, ĝuste same kiel tagmeze, ŝi leviĝis de la seĝo, ĵetis al mi malŝatan rigardon de la kapo ĝis la piedoj, sin turnis, kaj kun altlevita kapo, per majestaj paŝoj ŝi eliris el la ĉambro.

Kaj mi, senenergie, kun mallevita kapo, per ŝancelaj paŝoj eniris en mian skriboĉambron...

*

Tiamaniere okazis, ke la unuan tagon de majo, je la oka horo vespere, malĝojiĝinta junedzo, kuŝanta sur la kanapo en sia modesta skriboĉambro, mallaŭte ploris.

Oni jam scias, ke tiu ploranta edzo estis mi...

# LA REVENO

GUY DE MAUPASSANT



La maro vipas la bordon per mallongaj kaj monotonaj ondoj. Simile al birdoj, blankaj nubetoj pasas rapide tra la granda blua ĉielo, forblovitaj de rapida vento; kaj la vilaĝo varmiĝas sub la suno, en faldo de valeto deklivanta al la oceano.

Ĝuste je la enirejo staras la domo de la „Martin-Lévesque", sola, sur la flanko de la vojo. Ĝi estas malgranda fiŝkaptista loĝejo kun argilaj muroj kaj kun pajla tegmento ornamita per bluaj iridoj. Ĝardeno apenaŭ pli larĝa ol poŝtuko, en kiu kreskas bulboj, kelkaj brasikoj, petroselo, cerefolio, sin sternas antaŭ la pordo. Dornobarilo ĉirkaŭbaras ĝin laŭlonge de l' vojo.

La edzo iris fiŝkapti kaj la edzino riparas antaŭ la domo la maŝojn de granda bruna reto, etendita kvazaŭ grandega araneaĵo sur la muro. Ĉe la enirejo de la ĝardeno sidas dekkvarjara knabino sur pajla seĝo malantaŭklinita kaj dorse apogita al la barilo, kaj ŝi rebonigas malriĉulajn subvestaĵojn, pecflikitajn, jam kudroriparitajn. Alia knabino, unu jaron pli juna, lulas inter siaj brakoj infanon tute etan, ankoraŭ sengestan kaj senparolan, kaj du buboj du- kaj trijaraj kun la postaĵo en la tero, nazo ĉe nazo, ĝardenas per siaj mallertaj manoj kaj ĵetas unu al alia plenmanojn da polvo en la vizaĝon.

Neniu parolas. Nur la knabeto, kiun oni provas dormigi, ploras senĉese per akra kaj malforta voĉo. Kato dormas sur la fenestra sojlo kaj ekflorintaj levkojoj formas piede de la muro belan kuseneton el blankaj floroj, sur kiu zumas muŝa popolo.

La knabino kiu kudras apud la enirejo subite vokas:

— Patrino!

La patrino respondas:

— Kio estas?

— Jen li ree.

Ambaŭ estas malkvietaj jam de mateno, ĉar viro vagas spionante ĉirkaŭ la domo; li estas maljunulo, laŭ la ŝajno almozulo. Ili ekvidis lin unue kiam ili iris akompani la patron al la ŝipo. Li sidis sur la fosaĵo antaŭ ilia pordo. Poste, kiam ili revenis el la marbordo, ili retrovis lin samloke rigardantan la domon.

Li ŝajnis malsana kaj tre mizera. Dum pli ol unu horo li ne foriris, poste, vidante, ke oni opinias lin kvazaŭ malbonulo, li stariĝis kaj foriris per malfacilaj paŝoj.

Sed baldaŭ ili vidis lin reveni kun lia malrapida kaj laca marŝado kaj li denove sidiĝis, ĉi tiun fojon iom pli proksime, kvazaŭ por kaŝobservi ilin.

La patrino kaj la knabinoj timis. La patrino precipe maltrankviliĝis, ĉar ŝi estis timema, kaj ĉar ŝia edzo, *Lévesque*, devus reveni el la maro nur je la vesperiĝo.

Ŝia edzo estis nomata Lévesque, ŝin oni nomis Martin kaj ilin kune oni nomis „la Martin-Lévesque". Jen kial: ŝi edziniĝis la unuan fojon al ŝipano, nomita Martin, kiu iris ĉiusomere al Tero Nova por kapti moruojn.

Post dujara edziĝo ŝi naskis filinon kaj ŝi estis ankoraŭ graveda je ses monatoj, kiam la ŝipo kiu surhavis sian edzon, la *Deux-Soeurs*, trimasta barko el *Dieppe*, malaperis.

Neniam oni ricevis ian sciigon pri ĝi; neniu maristo revenis; oni do rigardis ĝin kiel perditan kun ĉiuj vivoj kaj havoj.

„La Martin" atendis sian edzon dum dek jaroj, penege edukante siajn du infanojn; poste, ĉar ŝi estis laborema kaj bona virino, regiona fiŝkaptisto, *Lévesque*, vidvo kun unu knabo, petis, ke ŝi fariĝu lia edzino. Ŝi edziniĝis al li kaj havis ankoraŭ de li du infanojn en la daŭro de tri jaroj.

Ili vivis pene, malfacile. Pano estis kara kaj viando preskaŭ nekonata en la domo. Oni ŝuldiĝis kelkfoje ĉe la panisto, vintre, dum la ventegaj monatoj. Tamen la etuloj bone fartis. Oni diris:

— Estas honestuloj tiuj *Martin-Lévesque*. „La Martin" forte laboras, kaj ne ekzistas homo komparebla al Lévesque en fiŝkaptado

La knabino sidanta kontraŭ la barilo diris denove:

— Ŝajnas ke li konas nin. Eble li estas almozulo el *Epreville* aŭ *Auzebosc*.

Sed la patrino ne kredis tion. Ne, ne, li ne estis iu el la regiono, certe!

Ĉar li sidis senmove, kvazaŭ fosto kaj ĉar li obstine fiksis siajn okulojn al la loĝejo de la *Martin-Lévesque*, „la Martin" furioziĝis kaj kuraĝigite de timo, ŝi ekkaptis ŝovelilon kaj eliris antaŭ la pordon.

— Kion vi faras tie? — ŝi kriis al la vagulo.

Li respondis per raŭka voĉo:

— Mi spiras la freŝan aeron, nu! Ĉu mi malutilas al vi?

Ŝi rediris:

— Kial vi estas kvazaŭ spionanta antaŭ mia domo?

La viro rebatis:

— Mi malutilas neniun. Ĉu estus malpermesite sidi sur la vojo?

Trovinte nenion por respondi, ŝi reeniris hejmen.

La tago forfluis malrapide. Ĉirkaŭ tagmezo la viro malaperis. Sed li ree trapasis ĉirkaŭ la kvina. Oni ne plu vidis lin dum la vespero.

*Lévesque* revenis kiam jam noktiĝis. Oni rakontis al li la okazintaĵon. Li konkludis:

— Estas iu scivolulo aŭ maliculo.

Kaj li kuŝiĝis sen maltrankvilo, dum sia kunulino revis pri tiu vagulo, kiu rigardis ŝin per tiel strangaj okuloj.

Je tagiĝo ventegis kaj la fiŝkaptisto, vidante ke li ne povas iri al la maro, helpis al sia edzino ripari la retojn.

Ĉirkaŭ la naŭa, la plejaĝa filino, unu Martin, kiu iris serĉi panon, revenis kurante kun konfuza vizaĝo kaj kriis:

— Patrino, jen li ree!

La patrino emociiĝis kaj tute pale diris al sia edzo:

— Iru paroli kun li, *Lévesque*, por ke li ne kaŝobservu nin tiel, ĉar tio min incitegas.

Kaj *Lévesque*, granda maristo kun brikkolora vizaĝo, kun densa kaj ruĝa barbo, bluaj okulaj truitaj de nigra punkto kaj fortika kolo, ĉiam vestita per lano pro timo al la vento kaj pluvo plenmara, eliris trankvile kaj proksimiĝis al la vagulo.

Kaj ili ekparolis.

La patrino kaj la infanoj rigardis ilin de malproksime, angore kaj tremetante.

Subite la nekonatulo stariĝis kaj venis kun *Lévesque* al la domo.

„La Martin“, konsternite, paŝis malantaŭen. Ŝia edzo diris al ŝi:

— Donu al li iom da pano kaj glason da pomvino. Li nenion manĝis de antaŭhieraŭ.

Kaj ili eniris ambaŭ en la loĝejon, sekvataj de la virino kaj de la infanoj. La vagulo sidiĝis kaj ekmanĝis, la kapon klininte sub la rigardoj de ĉiuj.

La patrino staranta fikse rigardis al li en la vizaĝon; la du filinoj, el kiuj unu portis la lastan infanon, dorsapogitaj kontraŭ la pordo, direktis al li siajn avidajn okulojn kaj la du infanoj, sidantaj en la kamena cindro, ĉesis ludi kun la nigra bolkaldrono, kvazaŭ por rigardadi ankaŭ tiun fremdulon.

*Lévesque* eksidinte demandis al li:

— Nu, ĉu vi venas de malproksime?

— Mi venas el *Cette*.

— Piede? tiel?

— Jes, piede. Se oni ne havas monon, kion fari?

— Kien vi nun iras?

— Mi venis tien ĉi.

— Ĉu vi do konas iun ĉi tie?

— Povas esti.

Ili silentis. Li manĝis malrapide, kvankam malsatega, kaj li trinkis gluton da pomvino post ĉiu panbuŝpreno. Li havis eluzitan, sulkan, ĉie kavan vizaĝon kaj ŝajnis multe suferinta.

*Lévesque* demandis lin abrupte:

— Kiel vi nomiĝas?

Li respondis ne levante la nazon:

— Mi nomiĝas Martin.

Stranga tremeto skuis la patrinon. Ŝi faris unu paŝon, kvazaŭ por vidi pli proksime la vagulon kaj restis antaŭ li kun pendantaj brakoj, kun buŝo malfermita. Neniu diris ion pli. *Lévesque* fine ekparolis.

— Ĉu vi estas el ĉi tie?

Li respondis:

— Mi estas el ĉi tie.

Kaj dum li levis fine la kapon, la rigardo de la virino kaj la lia renkontiĝis kaj restis fiksaj, miksitaj, kvazaŭ ili estus alkroĉitaj unu al la alia.

Kaj ŝi ekparolis subite, per ŝanĝita, mallaŭta, tremanta voĉo:

— Ĉu estas ci, mia edzo?

Li malrapide diris:

— Jes, estas mi.

Li ne moviĝis kaj daŭrigis maĉi sian panon.

*Lévesque* pli surprizita ol emociita, balbutis:

— Ĉu estas ci, Martin?

La alia diris simple:

— Jes, estas mi.

Kaj la dua edzo demandis:

— De kie do ci venas?

La unua rakontis:

— El la Afrika marbordo. Nia ŝipo dronis sur sablaĵo. Ni forsaviĝis triope: Picard, Vatinel kaj mi. Kaj poste ni estis kaptitaj de sovaĝuloj, kiuj retenis nin dekdu jarojn. Picard kaj Vatinel mortis. Estis angla vojaĝisto, kiu kunprenis min preterpasante kaj kondukis min al *Cette*. Kaj jen mi estas.

„La Martin“ ekploris, kun vizaĝo en sia antaŭtuko.

*Lévesque* diris:

— Kion ni faros nun?

*Martin* demandis:

— Ĉu estas ci, kiu estas ŝia edzo?

*Lévesque* respondis:

— Jes, estas mi!

Ili rigardis unu la alian kaj silentis. Tiam *Martin* konsiderante la infanojn ronde ĉirkaŭ li, montris per kapsigno la du knabinojn.

— Ĉu estas la miaj?

*Lévesque* diris:

— Estas la ciaj.

Li ne stariĝis, li ne kisis ilin, li nur konstatis:

— Dio bona, kiel grandkreskaj ili estas!

*Lévesque* ripetis:

— Kion ni faros?

Martin, konfuza, ankaŭ ne sciis. Fine li decidiĝis:

— Mi, mi faros laŭ cia deziro. Mi ne volas fari al ci domaĝon. Estas tamen malhelpo pro la domo. Mi havas du infanojn, ci havas tri; ĉiu la siajn. Pri la patrino: ĉu ŝi estas la cia, ĉu ŝi estas la mia? Mi konsentas kio plaĉos al ci; sed la domo estas la mia, ĉar mia patro postlasis ĝin al mi, mi naskiĝis en ĝi kaj ni havas paperojn ĉe la notario.

„La Martin" ĉiam ploris per singultetoj kaŝitaj en la blua tolo de la antaŭtuko. La du grandaj knabinoj estis pliproksimiĝintaj kaj rigardis maltrankvile sian patron.

Li finis manĝi. Siavice li diris:

— Kion ni faros?

*Lévesque* havis ideon.

— Ni iru al la pastro, li decidos.

*Martin* stariĝis kaj kiam li iris al sia edzino, ŝi ĵetis sin sur lian bruston singultante:

— Mia edzo! jen ci estas! *Martin* mia kompatinda *Martin*, jen ci estas!

Kaj ŝi tenis lin plenbrake, subite trairita de iama sento per granda skuo de rememoroj, kiuj reportis al ŝi ŝian dudekjarecon kaj ŝiajn unuajn ĉirkaŭprenojn. *Martin*, ankaŭ emociita, kisis ŝin sur ŝia kufo. La du infanoj en la kameno ekkriegis, aŭdante kune plori sian patrinon, kaj la lastenaskita, inter la brakoj de la dua knabino Martin, kriis per voĉo akra, kiel malĝusta fajfilo.

*Lévesque*, starante, atendis:

— Ni iru, li diris, necesas leĝe reguligi nian situacion.

*Martin* delasis sian edzinon kaj, ĉar li rigardis siajn du filinojn, la patrino diris al ili:

— Kisu vian patron, almenaŭ.

Ili samtempe alproksimiĝis kun okuloj sekaj, mirante, iom timeme. Kaj li kisis ilin unu post la alia sur ambaŭ vangoj per dika kamparana kiso. Vidante alproksimiĝi tiun nekonatulon, la infaneto eligis tiel akrajn kriojn, ke li havis preskaŭ konvulsiojn.

Poste la du viroj eliris kune.

Pasante antaŭ la „Kafejo de l' Komerco" *Lévesque* demandis:

— Ĉu ni unue ne trinkus glaseton?

— Mi, mi konsentas, — deklaris Martin.

Ili eniris, sidis en la ankoraŭ malplena ĉambro kaj *Lévesque* kriis:

— He! *Chicot*, du glasojn da brando, el la bona. Martin revenis, Martin, tiu de mia edzino, ci rememoras, Martin el la „Deux-Soeurs", kiu pereis.

Kaj la trinkejestro, kun tri glasoj en unu mano, karafeto en la alia, alproksimiĝis, dikventra, sangoriĉa, ŝvelaĉinta pro graso. Kaj demandis trankvilmiene:

— Nu! jen ci do estas, Martin?

Martin respondis:

— Jen mi estas!

Tradukis: R. RICHEZ (Genève)

---

# MODERNAJ ROBINZONOJ

TEODORO SCHWARTZ

(Daŭrigo — 4)

IV. ĈAPITRO.

## La elektado.

Ĉi-sube estas priskizitaj kelkaj karakteroj, kun kiuj oni devos vivi aŭ okaze morti.



La granda laboro komenciĝis. Bone elekti la membrojn de l' ekspedicio kiu estos vaganta tra la praarbaro, ekipi ilin kiel eble plej bone, estis tre grava tasko. La polusvojaĝantoj kaj Afrikaj malkovrantoj verŝajne ridetus, eksciinte, kiel mallerte ni komencis la organizadon kaj kiel modestaj estis niaj pretendoj.

200—300 iamaj militkaptitoj vivis en la ĉirkaŭaĵo, kiuj senescepte estis emaj partopreni en ĉia aventura entrepreno, per kiom ajn da suferoj ĝi estus minacinta, ĉar laŭ ilia opinio, la sorto estas tiel mizera, ke kia ajn ŝanĝo povas esti nur pliboniĝo.

Ĉe la elektado — ĉar en la ekspedicio povis partopreni nur 20—30 personoj; — la gvidantaj vidpunktoj estis: persona taŭgeco, laborkapablo, specialaj konoj kaj tiel plu. La amikaj rilatoj estis ankaŭ konsiderindaj. Simpatia vizaĝo havis kelkfoje bonŝancon. Ĉe ni estis tre diversaj la nacieco, aĝo, scio, socia standardo, klereco, kiuj grave influis la elektadon.

Unuavice havis ŝancon du aŭstrianoj *Dolfi* kaj *Sepi*, ambaŭ partizanoj, kiuj jam depost du jaroj vivis en la praarbaro.

Kiamaniere? Aŭstrianoj en la praarbaro? Laŭ ĝenerala kono la nomita nacio vivas en Vieno kaj en la ĉirkaŭaĵo de tiu urbo, kie estas ĉio, krom paarbaro. Tamen tio estis fakto. Ambaŭ vivis en la praarbaro.

Dolfi kaj Sepi estis militkaptitoj. En la jaro 1918 multaj el la militkaptitoj varbiĝis al la ruĝa armeo. Kiam, ĉe fino de la somero 1918-a, la blanka reĝimo realmilitis Siberion, la plimulto de la ruĝa armeo estis ekstermita, nur malgranda parto sukcesis forkuri en la praarbaron aŭ inter la montojn. Siberio spite al la trudkoloniado estas loĝata nur apude de

l'fervojo kaj riveroj. Miloj kaj miloj da kvadratverstoj senhomaj donas la pli grandan parton de meza Siberio, havanta nur praarbarojn, nomatajn *„tajga“*. Post la renversiĝo de la ruĝa reĝimo Dolfi kaj Sepi rifuĝis en la praarbaron. Malsatiĝinte ili aĉetis de la kamparanoj — vizitante la plej proksiman vilaĝon — panon, aŭ aliajn manĝaĵojn por oro aŭ arĝento. Oron ili ja havis, ĝis la provizo de la banko de Ĉita elĉerpiĝis. (La bankon en Ĉita la tiel nomita „anarkista kompanio“ elrabis en 1918.) La vilaĝanoj, malgraŭ la severa malpermeso, helpis la partizanojn per manĝaĵoj. Se vilaĝano estis denuncita pro helpo donita al bolŝeviko, oni bruligis la tutan vilaĝon kaj ekstermis la loĝantaron: virojn, virinojn, infanojn. Tiutempe oni ne distingis inter ruĝgvardiano kaj bolŝeviko. Alia rimedo por akiri la necesaĵojn estis elreligo de vagonaro kaj prirabado de ĝia enhavo.

Kiam konsumiĝis la oro kaj kelkajn vilaĝojn senindulge ekstermis la armeoj de la blanka reĝimo kaj de la japanoj, la libera rabista vivo fariĝis preskaŭ ne eltenebla. Oni ĉasis ilin, kvazaŭ la rabiajn hundojn kaj la bona kozaka ĉasistaro kelkfoje mortpafis dum unu tago 20—30 homojn el ili. Sepi kaj Dolfi kune suferis dum tiuj teruraj tagoj kaj longaj monatoj. Tiuj suferoj forĝis fortikan amikecon inter ili.

— Do, rakontu, kio estis la plej terura el viaj travivaĵoj? — mi demandis foje scivole, kiam ni interparolis pri la danĝeroj kaj teruraĵoj de la „tajga“.

— Kiam ni manĝis kamaradon *Hans*.

Dolfi ekpuŝis la flankon de Sepi.

— Ĉu vi ne hontas rakonti tiajn aferojn — murmuris mallaŭte Dolfi, sed Sepi tamen trankvile daŭrigis la rakonton.

— Tiutempe ni vivis dek kune. En komenco la anoj de nia grupo estis 30, sed la bonapetita morto digestis ilin. La malsato turmente tordis niajn intestojn, ni nenion havis por manĝi. La lastajn restaĵojn de ĉevalo ni jam estis manĝintaj kaj ĝiajn hufojn kaj felon ni maĉadis malespere. *Hans* pro la suferoj de la malsato freneziĝis. En malsanulejon ni ne povis sendi lin, ĉar tie ne ekzistas malsanulejo. Se iu malsaniĝis en la praarbaro, aŭ estis vundita, estis nenia helpo por li kaj sen kuracista helpo li termis siajn okulojn por eterna dormo. Kion ni estus povintaj fari por la malfeliĉa kamarado? Ankaŭ ni estis malsataj kaj ... nu, ni manĝis lin. Dum la manĝo ni parolis multe pri lia kaj nia malbenita sorto. Poste ni mangis ankaŭ iun alian, sed tiu meritis tion, lin ni punis pro lia kulpo. Li ŝtelis el nia provizo nutraĵon ... sed lia viando estis pli bongusta ... Ĉu ne Sepi?



Gergely: Tunisa foiro

Mi kuraĝis rakonti ĉi tiun teruran epizodon nur pro tio, ke ni ĵetu iom da lumo al la abismo, en kiun la milito puŝis la „homojn“.

Verdire, por vojaĝo tra praarbaro oni ne povas elekti ĉiuokaze unuarangajn ĝentilhomojn. Sepi kaj Dolfi havis gravajn kvalitojn por esti elektitaj. Ili, vivinte du jarojn en la praarbaro estis spertuloj kaj ni bezonis por la riska vojaĝo tiajn homojn. Demandinte ilin pri ilia partopreno, en la vojaĝo malfacila, ili respondis: Kun la plej granda plezuro, sed labori ni ne volas dum la vojaĝo. Ni vivas jam de du jaroj en la arbaro sen laboro kaj ni tute ne deziras labori plu en ĉi tiu vivo! „Ni ne meritas tion!“ aldonis Sepi. Post longa parolado ni interkonsentis, ke ili ne devos partopreni en laboroj malfacilaj.

Ni volis antaŭzorgi pri ĉio antaŭvidebla. Kio okazos, se la kunportita nutraĵo konsumiĝos? De kie ni prenos manĝaĵon?

— Ni ĉasos kaj fiŝkaptos! estis la decido — la arbaro estas riĉa je bestoj. Uroj, ursoj

cervoj, aproj amase troviĝas. La riveroj estas fiŝplenaj.

— Ni ne malsatmortos! — mi asertis memkonfide. — La tasko estas: akiri ĉasistojn kaj fiŝkaptistojn!

Baldaŭ ni havis ankaŭ ĉasiston. Vivis inter ni unu, kiu asertis, ke pactempe li estis ŝtelĉasisto sur la bienego de grafo Esterházi. Kun granda ĝojo li estis elektita ĉeforganizanto de la ĉasado. Ĉiu membro de nia ekspedicio meritus kelkajn paĝojn skribitajn pri lia karaktero aŭ senkaraktereco. Laŭ okupo, aŭ laŭ plej karakteriza trajto oni povas dividi la partoprenantojn jene: Unu idealista advokato; du normalaj agronomoj; unu alkoholista agronomo; du ĉarpentistoj; unu oficisto, sed poeto en animo; du studentoj; unu lakeo; du seruristoj; unu aktiva suboficiro; unu tajloro kaj kelkaj kamparanoj.

Verŝajne la leganto tuj rimarkos la mankon de virino. Vere, ni intencis vojaĝi sen virino, sed en la lasta momento, rusa virino, kiun ligis delikataj sentoj al iu militkaptito, sciigis nin ke ŝi decidis veni kun ni. Vane ni protestis kaj vane ni skizis la antaŭvideblajn teruraĵojn dum la vojaĝo.

— Mi havas unu vivon kaj morton! — diris ŝi kaj tondinte siajn harojn, surmetinte pantalonon ŝi sekvis sian amaton. (Por historia aŭtentikeco mi devas mencii, ke ŝi estis ok jarojn pli aĝa ol ŝia amato.)

Bone zorgante pri ĉio, fine post du-tri tagoj ni estis kolektintaj ĉion, kion ni bezonis: de medikamentoj ĝis kudrilo kaj fadeno. La intendantaro donis ĉion, kion ĝi havis, sed bedaŭrinde ĝi tre malmulton havis. La plej grava problemo estis la demando pri ĉevaloj. Ni petis 25 ĉevalojn kaj laŭ la konsento ni estus devintaj resendi ilin, atinginte la riveron. La partizana komandantaro jam asignis la ĉevalojn, sed la ĉevalojn tamen ni ne havis, ĉar ne estas facile ĉevalojn ricevi de partizano. La juna partio de l'ekspedicio volis ekiri — perpiede. La maljunaj kaj la iamaj patrizanoj insistis, ke sen ĉevalo oni ne povas vojaĝi tra la praarbaro. Du partioj estis do: ĉevalpartio kaj senĉevalpartio. La vetero favoris al la unua. Pluvis, pluvis, tutajn tagojn kaj noktojn.

— Iru do sen ĉevaloj! — mokis nin la kontraŭa partio. — Kiamaniere vi volas treni la nutraĵon, kiam, eĉ sen ŝarĝo, oni dronas en la koto en tia vetero?!! (daŭrigota)

---

## MONDLITERATURA OBSERVO



LA NUNTEMPA ITALA LITERATURO. La futurismo mortadas. Ĝi volis elimini ĉiun pensan elementon el la arto; la puran senton, la malfalsan memorbildon nemakulitajn de la logiko de l' lingvo ĝi volis prezenti per sensencaj siloboj, tipografiaj kuriozaĵoj, matematikaj signoj. Sed la numerojn de la *Dinamo*, la *„Bif § 2+18“* jam neniu konsideras serioze.

El la verkoj, kiuj priskribas la suferojn kaj nacian entuziasmon de la lastaj jaroj, al la plej alta nivelo de arto leviĝas la libro de *D'Annunzio*, titolita „Notturno“. Ĝi estas eble lia plej bela, plej sincera, plej harmonia verko. Lia aeroplano falis, liaj okuloj vundiĝis. En la nokta mallumo de malsanula ĉambro, devigite al plena senmoveco li atendas la resaniĝon. Li ne povas kuŝi senfare, kaj li komencas, sur etaj paperpecetoj, skribi en la mallumo, li komencas skribi — la libron de l' lumo. Sur la malsana retino de liaj vunditaj okuloj kirliĝas strangaj, koloraj ringoj, ili transformiĝas en bildojn, en figurojn. Liaj vivo, memoroj, artista ekstazo, militaj impresoj reviviĝas antaŭ li unu post la alia. Liaj sentoj jen freneze konfuziĝas, jen kun oda svingo gloras la grandecon de Romo, jen, silente glatiĝas rememorante pri liaj infanjaroj en Pescara, pri lia malfeliĉa patrino. La unuan fojon parolas nun pri ili D'Annunzio, kiam la milda, zorgeme fleganta Renata sola reprezentas por li la mondon. La tutan simfonion trasonoras ia granda amo al homo. Ankaŭ la ŝtofo de ĉi tiu libro, kiel tiu de ĉiu libro de D'Annunzio, estas liriko. Sed ĉi tie la melodio kaj la instrumentado estas plene konformaj unu al alia. Tiu disonanco, kiu estas sentebla multfoje en liaj romanoj inter la temo kaj la tono, ĉi tie solviĝas en harmonion.

Alia granda literatura okazaĵo estis la romano de la kritikisto G. A. *Borgese:* Rubé. Socia romano, kiu volas prezenti la luktojn kaj animajn krizojn de la nuna generacio. La heroo serĉas la vojon, sur kiu li povus agi, funkcii, efiki utile, sed iom post iom li senreviĝas pri ĉio. Li ĵetas sin en la militon kaj poste li trovas sian morton dum komunista demonstracio en Bologna, ne estante tamen martiro de ĉi tiu ideo. Do la meditado pri la grandaj problemoj de filozofio kaj pri la senco de l' vivo kaj la individua ambicio, sed sen la sana fido je vivo, estus karakterizaj pri la animstato de la nova generacio.

La postsignojn de ĉi tio oni vere povas trovi en la nuntempa itala literaturo. La filozofio en la verkoj de *Benedetto Croce* kaj *Giovanni Gentile,* reiras, post la positivismo de Roberto Ardigo, al la Hegela idealismo. Por ĉi tiu la sola realaĵo estas la Memo de la observanto kaj rekonanto, en kiu la mondo, laŭ certa maniero, speguliĝas. La verkistoj iras eĉ plu kaj trans ĉi tion. La sola realaĵo estas la individua Memo. Sed ĉu ĝi vere estas realaĵo? Ja ĉiu havas sian propran animan spegulon, do kiom da homoj, tiom da veroj. Eĉ, la sama persono ŝanĝiĝas senĉese. Inter mia pasinto kaj nuntempo — diras unu verkisto (Bone) — ekzistas sola ponto: mia nomo.

Ni devis paroli pri ĉi tio por prezenti pli klaran bildon pri tiu verkisto, pri kiu tiom oni aŭdas nuntempe en Italio, pri *Luigi Pirandello.*

Li rikoltas nuntempe la plej entuziasmajn aplaŭdojn ĉe ni. Sian verkistan karieron li komencis per noveloj kaj romanoj, en kiuj ĉiam pli kaj pli disvolviĝas liaj vivopinioj kaj amara mondpercepto. Li mem nomas sian arton „humorismo“, per kio li volas signi, ke la du vizaĝojn de la vivo — la malĝojan kaj ĝojan — li volas ekkapti per *unu* rigardo. Por li la homo estas sekreto fermita en si mem, eĉ moveton li ne povas fari ne estante malkomprenita de la aliaj; eĉ unu tagon li ne povas vivi ne havante konfliktojn kun si mem. Se tia homo tamen volas agi, se febre li volas



FRATINOJ DRESEN
Maldekstre: *Helmi*, la animo de la estona movado. Meze: *Hilda*, jerta kaj inspirita tradukinto de Under-poemoj. Dekstre: *Agnes*

valorigi kaj komprenigi sian individuecon; se dume konstante li analizas sin kaj li penas, per esploremaj okuloj, rigardi en la animojn de l' aliuloj — jen, la plej strangaj problemoj kaj animoj konfliktoj eksplodas eĉ ĉe la plej ĉiutagaj okazaĵoj de la ordinara vivo. Jen kio donas strangan sorĉon al la dramoj de Pirandello. Solvon ili ne havas, eĉ ne povas havi. La elturmentitaj homoj revenas en siajn karcerojn, aŭ fine ili trudkontentiĝas ludi tiun rolon, kiun la aliaj atribuas al ili. En la preciza, seka, nuda prozo de *Pirandello* la plej karakteriza frazo estas: „mi ne komprenas . . .".

Do laŭ ĉi tio — sur la scenejo de *Pirandello* — neniu povas malfalse ludi en la vivo sian individuecon. Tamen! Ekzistas du esceptoj: la frenezulo, kies „fiksan ideon" ĉiuj lasas senembarase, kaj la induviduo kreita de artisto. La unuan en Henriko IV., la duan en „Ses personoj serĉas aŭtoron" prezentas Pirandello. De post 1917 oni prezentis de li 14 teatraĵojn. Per ĉi tiuj du li akiris — kaj inde — la plej grandan sukceson.

Do la idealismo, el kiu la itala filozofio ĉerpis novan forton kaj fidon, fariĝis por la poezio fonto de ia amara skeptiko. Eble ĉi tio estas la kaŭzo ke mankas nuntempe vera granda lirikisto.

Sed la itala idealismo havas ankaŭ trian vizaĝon. Se *Pirandello* iam ekintencus „humorizi" ĉi tiujn tri vizaĝojn je dramo, la lastan li certe skulptus pri *Giovanni Papini*. Ankaŭ li ekiris el la filozofio. Li estis entuziasmanta por ĉiuj filozofiaj sistemoj, ĝis fine li verkis sian libron pri la „Vespero de l' Filozofio". Li estis futuristo, redaktis revuon literaturan kaj agitantan por la milito, fine, elreviĝinte pri ĉio, li verkis la frapantajn memorskribojn pri sia anima kalvario. De post 1915 li turnis sin tute al poezio. Hodiaŭ li estas klasikulo, kredanta katoliko kaj pacifisto, kiel pruvas lia „Vivo de Kristo" (1921). Grandajn sinsekvajn freskojn ni ricevas en ĉi tiu libro, kiu estas verko de poeto, ne de scienculo. Liaj solaj fontoj estas la Evangelioj. En la rakonton plektiĝas religiaj meditadoj, simbolaj klarigoj, kiuj ofte estas tute individuaj kaj aktualaj; ekzemple kiam ili atake direktiĝas kontraŭ la malamo kaj kontraŭ la kapitalismo. Ĉar *Papini* restis revoluciulo ankaŭ tie ĉi. Li estas amiko nek de l' beleta, pura, eta Bethlehem de l' renesanca pentrarto, nek de l' kompromisema, duonvarma kredo. La eternan veron de la vivo de Kristo li volas pliproksimigi al la animoj de l' hodiaŭaj homoj, ĉar, laŭ li, la semo semita de l' Savinto, eĉ nun ne elĝermis. Kaj Papini estas sendube unu el la plej eminentaj prozistoj de Italio. La timiga akro de liaj pikaj kaj tranĉaj kritikoj ekbrilas ankaŭ sur pluraj paĝoj de la „Vivo de Kristo". *E. C.*

MARCEL PROUST. Naskiĝis en 1871, riĉa, sendependa, en tiel feliĉa ĉirkaŭaĵo, sur tiel favora supraĵo, ke de tie, kvazaŭ el turo li povis observi la malkvietan socion de sia epoko. Jam pli ol kvardekjara li estis, kiam, post longa silentado li komencis la publikigon de sia granda romano, al kiu li donis la duone siencmanieran, duone melankolian titolon: „La serĉo de l' tempo perdita". Ĝis lia morto aperis kvin volumoj el ĉi tiu verko, la lasta ankaŭ estas preta. Ĉi tiu romano, kiu estas eble la plej priparolata kaj pridiskutata temo en la nuntempa franca literatura vivo, estas giganta resumo pri la socio de l' lastaj tridek jaroj, precipe pri tiu medio, kiu estis la specialaĵo de Bourget. Sed krome tiu ĉi romano estas sintezo entenanta ĉiujn akiraĵojn, kiujn oni povis ĝis nun almiliti per literatura belo aŭ per homkono. Nenio estas fremda por li, en la vasta kaj tamen organika unueco de lia romano ĉio puriĝas je senmateria literaturo: la sonĝbildoj de Freud same kiel la memorteorio de Bergson, la mendelismo, la pliperfektiĝo en la meĥaniko, la metodoj de la grandaj impresionistaj pentristoj, la hipertrofio de la „artindustrio", la erarvojoj de la seksa vivo, eĉ, laŭ unu lia admiranto, mem la Einstein'a relativeco.

Propre la romano temas nur pri la konfuza, malklara, malrapida disvolviĝo de kariero de verkisto. Jen: la puberta libromanĝego, la langvora ebrio de l' lego, kulto de unu granda verkisto, la disvolviĝo de la sensoj antaŭ la eksteraj belaĵoj, subitaj ekstazoj inter la florantaj mespiloj, aŭ je la vido de kampara knabino, naskitino de l' Tero, aŭ post pluvego en la sunbrilo, kiam sian ĝojon li povas esprimi nur per senvoĉa baraktado, nur per mallerta balbuto („zut, zut, zut, zut"). Poste la persekutado de temoj, la volo al skribo „je ĉiu prezo", la unua sufoka apero de la inspiro, grandaj sinpreparoj, rifuĝo de la soleca fortostreĉo kaj de l' interna enprofundiĝo, la ĉiam pli klara materiiĝo de la malklare konjektita, nebula celo: en la salonoj, kie li povas „observi", en la societo de grandaj verkistoj, kie li povas ŝteli la „artifikojn" de la arto, en la sentimentalaj aventuroj, kiuj lin nutras per „travivaĵoj". La rezulto: inerta revado, plena drono de l' individueco. Kaj ĉiam pli senespera fariĝas la batalo inter la interna vivo, interna reveko de l' eksteraj bildoj kaj la malvigleco de la homa menso, kiu ruze kaj maŝine konfidus ĉion al la sonĝoj de l' estonto, evitas ĉiun fortostreĉon kaj kroĉas ĉiun deziron kaj bildon al eksteraj impresoj, por prokrasti la internan rekreon . . . Kaj tiam tri apudvojaj arboj denove skuvekas lin el lia interteco, li volus doni al ili vivon kaj voĉon, kvazaŭ ili ankaŭ mem vokus lin, ke li restu ĉe ili, rekreu ilin. Sed li ne aŭdas klare ilian vokon, kaj adiaŭas ilin malĝoje, kazaŭ li „estus perfidinta mortinton, aŭ ne rekoninta unu dion". Tiel li puŝiĝas ĉiam pli malproksimen de la celo, la tumulto de epizodoj englutas ĉion, kaj la verkista kariero kvazaŭ dronas en sablo, en la sablo de marbordo, proksime al laŭmoda hotelpalaco, en la societo de aristokratoj, snoboj kaj demimondanino.j La fino de

la romano ankoraŭ estas nekonata, sed la titolo de la lasta serio „La retrovita tempo" kaj kelkaj anticipoj permesas konkludi, ke la „pelanto de l' fantomoj" ankoraŭ ĝustatempe retiriĝis en la solecon, kaj, kvankam turmente, kun grandaj devioj, tamen li retrovis la ekstazon de l' puberto kaj reviviĝiŝ ĝin konscia, konstanta, fruktodona. Tion ja pruvas ankaŭ mem la vivo de Proust, ĉar la heroo rakontas ĉion laŭ unua persono, kaj certe, pli aŭ malpli rajte, estas identigebla je Proust mem.

Laŭ ekstera formo la romano estas memorskribo, sed ne en kronologia ordo, per intenca rememorado, sed per spontanaj rememoroj, kiuj fidele prezentas la pasinton, sed, kiel la akvo la bordon, spegulas ĝin laŭ inversa vicordo. Ĉe Proust nenio estas konstanta, escepte la movon mem, ĉio estas pasema, ŝanceliĝanta, rapidema kaj velkema, ĉio ŝanĝiĝas, dividiĝas je elementoj, kuniĝas kun novaj fremdaj elementoj: la salonoj, la societo, karaktero, situacio, sentoj de unu sama homo; forto, formo, apero de unu sama sento, la deziro, la memoro, la unua impreso — ĉion ĉi ni vidas ne en rigidaj, fiksaj bildoj, nek en plastikaj figuroj, nek en muzikaj nuancoj de sentimento, sed kvazaŭ en iliaj dinamikaj esencoj, en la ondanta kaj ŝanĝiĝema kontinuo de unu sama bildo. Ni pensu pri kiel eble plej fidela reaperigo de kara vizaĝo, unue per fotografaĵo, poste per pentraĵo, kaj fine per la memoro — la unua, estas vere, neniam trompas nin, ĉiam estas je nia dispono, servoprete, egale, senmove, — sed kiom pli viva estas la bildo de la memoro: alia en ĉiu momento, multa kaj milnuanca, eĉ ne unu vizaĝo, sed serio de multaj vizaĝoj, unu apud la alia kaj kvazaŭ kovranta sin reciproke. Jen la kaŭzo de la grandega viveco de l' Proust'a romano, kaj jen ankaŭ la kaŭzo de ĝia fosforanta monotoneco: tia vido ne toleras celon, izolecon, ĉio servas nur por transiro, por la ludo de l' eterna ŝanĝo kaj la subita kaj senkonscia memoro de koloro, gusto, ordoro kondukas nin al novaj kaj novaj memorlabirintoj. Ĉiu paĝo, ĉiu opa frazo spegulas en mikrokosmo la tutan kreon, ĝiajn devenon, pason, mil eblaĵojn kaj plenumiĝon, ĉi tie ne estas materio, aparta okazaĵo, ne estas detaloj kaj limoj — ĉi tie la inundanta vivanta parolo fluegas per ununura, giganta svingo; el Proust ŝprucas la kreo kun ĉiela abundo kaj sen ĉeso. *A. G.*

---

## BIBLIOGRAFIO

P. A. S. VAN LIMBURG BOUWER: *AKBAR*. Orienta romano tradukis J. C. & J. R. G. *Isbrücker* kaj J. *Ziermans*. (Eldono de la tradukintoj).

La aŭtoro, armita per larĝa historia kono, prezentas al la leganto ĉiurilate tre interesan romanon. La orienta atmosfero, kiun li kreis, de komenco ĝis fino tenas la leganton en plena iluzio. La dignoplena kaj bonkora figuro de imperiestro Akbar efikas per konvinka forto pri modela vivo de regnestro, kies unua kaj ĉefa zorgo estas: vidi siajn regatojn feliĉaj. La bonŝanca trovo de la epizodaj figuroj de la historio helpis la aŭtoron en lia malfacila laboro, ĉar la romano estas iom tendenca. Ĝi temas pri homaramo, intergenta kaj interreligia kompreno. Ni kore dankas niajn samideanojn, kiuj inde al la originalo — en majstre facetitaj frazoj, en stilo senriproĉa, en formo moderna prezentas al ni tiun ĉi altvaloran verkon. Ni varme aprobas la rekomendon de Esp. Literatura Asocio. *(by).*

REINHOLD SCHMIDT. LA AMKONKURANTOJ. Triakta komedio originale verkita. Esperanto-Verlag Ellersiek & Borel G. m. b. H. Berlin kaj Dresden.

Se iu verkisto volas doni valoran teatraĵon al scenejo li devas esti bone orientita pri la teatroarto kaj pri ĝiaj scenejaj artifikoj. Tiu ĉi triaktaĵo estas tro naiva por veki intereson. Jam en la unua akto oni divenas la finon kaj dum la dua kaj tria aktoj, ricevante nek novan nek sufiĉe spritajn dialogojn, oni kontraŭvole konstatas, ke la komedio estas verkita de nespertulo. La longaj monologoj, tute forigitaj el la modernaj teatraĵoj, en tiu ĉi anstataŭas la rapide ruliĝantajn epizodojn. Sed malgraŭ ĉio, en la tria akto, ekbrilas kelkloke la vekiĝanta talento de la verkisto, kiu ankoraŭ povos fariĝi lerta komediverkisto post necesaj studoj. *(by.)*

JOSEPH RHODES kaj la Fruaj Tagoj de Esperanto en Anglujo. Angle verkita de John *Merchant* Esperanten tradukita de Louise *Briggs*. Eldonita de la Federacio Esperantista de Yorkshire.

La laboroj de la verkinto kaj de la tradukintino estas similaj al tiuj de la skulptistoj, kiuj faras monumenton el marmoro kaj ĉizas per oraj literoj en la piedestalon la meritojn de tiuj, kiuj inspiris ilin por kreado. Ili donis modelon imitindan rilate la historiverkadon de Esperanto. Sinceran admiron vekas ilia verko en la novaj adeptoj, kiuj preskaŭ neniom scias pri la luktoj kaj bataloj de la unuaj pioniroj. Emocian rememoron vekas en la koro de la malnovaj batalantoj, kiuj mem estis partoprenantoj. La verko havas altetakseblan valoron el vidpunktoj de historio kaj eduko, ĉar ĝi bone argumentas per faktoj, ke nia movado donis glorajn nomojn al tuthomara kulturo kaj la semoj, ĵetitaj de ili, trovis fekundan humon, el kiu kreskis la forta arbo de Esperanto. La radikoj estas profunde en la koroj kaj nenia ventego povas elŝiri ilin. Ni rekomendas la legadon de tiu ĉi verko, eĉ konsideras necesa ĝian konigon dum la kursoj. *(Jobo).*

EUGEN WÜSTER: ENCIKLOPEDIA VORTARO Esperanta-Germana. I. 136 pĝ. Prezo: landoj bonvalutaj: 3, mezvalutaj: 2, malbonvalutaj: 1 dolaroj. Eldono: Ferdinand *Hirth & Sohn*. Leipzig.

Jen, komencas realiĝi la espero de Zamenhof, esprimita en la Lingvaj Respondoj, pri la Provizora Vortarego. La gigantan laboron prenis sur sin unu sola homo kaj kun admirinda persistemo kaj nelacigebla fervoro, finis ĝin. La unua parto kuŝas antaŭ ni, kaj ĝi estas, laŭ siaj amplekso, detaleco kaj precizeco, vere modelo de science aranĝita vortaro. Ĝi ne estas nur kolekto de vortoj, sed enhavas kvazaŭ kritikan studon pri ili, registras ilin laŭ ilia trovloko, montrante tiel kvazaŭ ilian aŭtoritatecon. La sinonimoj estas plej ekzakte fiksitaj kaj klarigitaj, abunda frazeologio prezentas la vere vivantan parton de la lingvo, ĉe kunmetitaj vortoj aparta signo montras, se ili estis uzataj de Zamenhof. Ĉe la gramatikaj vortelementoj koncizaj klarigoj kaj ampleksa ekzemplaro montras ilian diversan uzmanieron (ekzemple pri „ad" 3 dense presitaj kolonoj). Kaj ĉio ĉi estas farita kun la plej granda, kaj vere sprita ŝparo de loko, kun helpo de ciferoj, literoj kaj signoj.

Ni, persone, ne konsentas kun la aŭturo pri ĉiuj siaj Esperantologiaj principoj. Sed pri tio nun ni ne volas paroli, prokrastante tion ĝis la apero de la promesita aldono pritraktanta ĉi tiujn principojn. Kaj ili ja ne estas gravaj. La grandan gravecon tio havas, ke la giganta laboro de la materialkolekto jen, estas farita, ke la lingvo estas preskaŭ tute fiksita sur papero, en ĉiam facile konsultebla libro.

Tiel detala recenzo, kian la vortaro meritus, transpaŝus la kadrojn de nia literatura revuo. Ni diras nur, ke la vortaro estas nemalhavebla ne nur por Esperantistoj-filologoj kaj vortaristoj, sed per sia abunda frazeologio ĝi estas kvazaŭ plej supera lernolibro por ĉiuj tradukistoj kiuj volas funde koni la lingvon kaj volas alproprigi ĉiujn trezorojn en ĝi amasigitajn, sed ĝis nun pene alireblajn, kuŝantajn en la granda amaso de Esperantaj verkoj.

Tiun grandan dankon, kiun la aŭtoro meritas, ni esprimu per la antaŭmendo de la dua parto, ebligante ĝian baldaŭan aperon. *(Kopar)*

*

(La titolpaĝon ni dankas al pentrartisto *Álmos Jaschik*.)

## REDAKTA ANGULO

Ni ĝoje sciigas niajn legantojn, ke la ĉinumera artikolo de nia ŝatata kunlaboranto N. Hohlov estas la unua en la serio, kiun li verkos por nia revuo pri la reprezentantoj de nia literaturo, pri Bulthuis, de Kalocsay, Luyken, Privat, dro Valienne ktp. Fiere ni registras, ke sur la paĝoj de nia revuo aperos fine, el inda kaj sperta plumo, ĉi tiu ĝis nun mankanta verkospeco, la „provo", la kritika studo.

*

Sendintojn de pluraj valoraj verkoj ni petas pri iom da pacienco.

*

Ni denove atentigas niajn kunlaborantojn pri nia rubriko „Mondliteratura Observo". Precipe la malgrandnacianojn ni petas pri la konigo de sia nuntempa literatura vivo. La artikolo povas esti verkita pri la ĝenerala literaturo, ĝiaj novaj direktoj, tendencoj, skoloj, aŭ pri unu granda verkisto, aŭ pri unu sola granda kaj interesa verko. Ankaŭ literaturhistoriaj artikoloj estas bonvenantaj se ili ne estas seka registro de datoj kaj titoloj sed larĝvida trarigardo kaj karakterizo. Interese rakonti temon estas malfacile, sed se sukcesas estas por ni granda ĝojo. Stilon ni preferas babilan.

**RENOVIGU VIAN ABONON SENPROKRASTE!**

Globus presartinstituto A. S., Budapest. Direktoro Nikolao Biró